VIIa jaro. No 98 ★ Duonmonata ★ 5 Aprilo 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. »)
**Luksa eldono**. . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**
**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo) . . **20 Sd.**
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

## TEKSTO



# Helpinda Entrepreno

« Mi dezirus unuigi por komuna laboro ĉiujn klopodojn kaj entreprenojn, kiuj volas altigi la homaran kulturon, por ke unu celado helpu al la alia » (1). Tiujn vortojn diris antaŭ nelonge D-ro Zamenhof. En alia formo ili ripetas tion, kio estis jam esprimita ĉe lia parolado en Cambridge ; ili formulas, en plej larĝa maniero, la homaran signifon de Esperantismo. Jen kial, konscia Esperantisto, alivorte Esperantiano, devas interesiĝi ne nur je la lingvo Esperanto, sed ankoraŭ je tiuj aliaj movadoj aŭ celadoj, kiuj, por aliaj objektoj sed laŭ sama fundamenta ideo, paralele laboras por plibonigi la homan kulturon. Li povos pli speciale interesiĝi kaj sin dediĉi al tiu aŭ alia klopodo, sed li rajtas nek ilin ignori, nek nei ilian parencecon kaj reciprokan solidarecon. Jen kial, la spesmila sistemo, kiu respondas la supran kondiĉon, estis ĉe ni favore akceptata. Jen kial, ĉe la 1a Kongreso de U. E. A., estis enskribataj sur la tagordo demandoj, kiuj ne rekte koncernis Esperantion aŭ Esperanton, sed kies objektiva studado estis konforma al la celado de Esperantismo, en la Zamenhofa senco kiun ni donas al tiu vorto. Tiaj estas ekzemple la reformo de l'kalendaro kaj la unuecigo de la formatoj laŭ la Monoa (2) sistemo.

(1) Universo, paĝ. 165,
(2) Mi uzas kiel radikon *Mono* (sekve Monoa sistemo) por ne konfuzi kun *Mono*, laŭ konsilo de D-ro Zamenhof mem (Universo, paĝ. 163.

Pri la unua estas jam ofte skribite ĉi tie ; pri la esenco de la dua ankoraŭ multaj samideanoj ne precize scias.

Kiu volas sperti pri la utileco de la Monoa sistemo kolektu ekzempleron de ĉiu el niaj Esperantaj gazetoj. Li provu poste bindigi, en ajn ia maniero, la dismetatajn specimenojn por propaganda celo, aŭ ilin alfiksi sur muro por ekspozicio. Antaŭ liaj okuloj staros la plej bela ekzemplo de la ĥaoso, kiu regas en niaj formatoj. Ekzistas ne nur grandaj, mezgrandaj kaj malgrandaj — kio estus pravigebla — sed tiom da formatoj kiom da gazetoj. Tiu disharmonia impreso ankoraŭ pligrandiĝas se oni vidas kune elmetataj la librojn, la broŝurojn, la prospektojn ĝis nun eldonitajn en Esperantujo. Kiom da eldonistoj, tiom da formatoj, eĉ ĉe sama eldonisto pluraj formatoj estas renkonteblaj. Mi ne volas paroli pri tio, kio aperas en niaj naciaj lingvoj ; ĉiu posedanto de biblioteko scias kian aspekton ĝi havas, eĉ se ĝi estas bone ordigita. Flanke de tio, ni konsideru kolekton de gvidfolioj de U. E. A. aŭ de aliaj Esperantiaj dokumentoj aŭ ajn iajn Monoajn prospektojn. Unue, tiuj dokumentoj, gazetoj, broŝuroj aŭ libroj, estas facile kunbindeblaj, laŭ via deziro aŭ bezono, do pli facile konserveblaj — praktika argumento. Due, estas nedube, ke tia ordo trudas pli da respekto, pli da plaĉo, pli da atento, almenaŭ al la ekvilibraj spiritoj, ol ĥaosa amaso — estetika argumento. En tio konsistas la supereco de la Monoa sistemo super la ĉirkaŭa sensistemeco — supereco de oportuneco, praktikeco, beleco, ordo, unueco. Ĝi estas kiel la Esperanto de la formatoj. Kiel la elpensinto de Esperanto estis frapita de la maloportuneco de l'diverslingveco por la homaj rilatoj, tiel same S-ro Bührer, la elpensinto de la Monoa sistemo, estis fra-

pita de la malpraktikeco de la diversformateco por la konservado kaj ŝatado de la presaĵoj. Por krei Esperanton D-ro Zamenhof ne kunvokis komisionon de sciencistoj — dank'al kiu ĝi ankoraŭ estus kreota ; — li mem laboris kaj alpaŝis la mondon kiam li juĝis siam verkon taŭga. Tiel same la elpensinto de l'Monoa sistemo ankaŭ ne kunvokis komisionon de specialistoj — dank'al kiu nenio estus nun farita — sed, trovinte taŭgan bazon por sia sistemo, pruvis ĝian praktikecon ne per teoriaj artikoloj, sed per agado, t. e. eldonante presaĵojn laŭ la Monoaj reguloj.

Kiaj estas tiuj regoloj ? Ili estas simplegaj. Ĉiuj presaĵoj estu eldonataj laŭ unueca formato, kies bazo (Mono) mezuras 16 1/2 cm. longe kaj 11 1/2 cm. larĝe (3). Sed, oni diros, oni ne povas ĉion presigi laŭ tiu formato. Ekzistas presaĵoj kiuj devas esti grandaj, aliaj malgrandaj, laŭ sia celo aŭ sia naturo. Relativa diverseco devas esti permesebla. Tio estas tute vera, sed ĝuste tiun diversecon allasas la Monoa formato. La Monoa estas nur la unuo kaj oni laŭ la bezonoj povas uzi ĝiajn onojn aŭ oblojn. Ekzemple, se por via celo ne taŭgas la simpla Monoa unuo (kiel nia Jarlibro), uzu la duoblon aŭ la kvaroblon (kiel nia gazeto), aŭ — se la unuo estas tro granda — uzu la duonon (kiel nia membrokarto) aŭ la kvaronon. k. t. p. Aliaj kombinoj estas riceveblaj, kiuj permesas adapton al ĉiuj bezonoj. La celado estas unueco en la formatoj, kaj ne unikeco de formato. En la unueco povas moviĝi la diverseco, sed ne la anarkio.

La Monoa sistemo ne nur celas la unuecigon de la formatoj laŭ difinitaj tipoj, sed ankaŭ la plibeligon kaj pli artan presadon de la eldonaĵoj, speciale de la prospektoj, reklamiloj kaj broŝuroj. Kiom da komercaj prospektoj estas ĵetataj tuj post legado, se ne antaŭ, ĉar ili estas senguste faritaj, neniel allogaj kaj konservindaj. Ne tia estas la volo de la komercisto. Precipe reklamiloj, gvidlibroj estas presataj por esti kolektataj kaj konservataj. Ankaŭ en tiu vidpunkto la Monoa sistemo liveras bonan rimedon, ĉar ĝi postulas artan eksteraĵon de siaj eldonaĵoj. En la landoj plej antaŭaj pri komerco, oni povas nun konstati tendencon al pli da gusto en la prospektoj. Mi ne diras, ke oni ĉiam sukcesas, sed, eĉ malsukcesa, peno por fari ion plaĉa, enhavas pli da socialeco ol nenia ajn peno.

La argumentoj kontraŭ tiu sistemo estas malmultaj. « La presistoj, oni eble diros, ne estas kutimigataj al ĝi. Tiu argumento de la presisto havas ankoraŭ malpli da valoro ol pri la Esperantaj supersignoj. Persone mi neniam spertis, ke tio kaŭzas maloportunaĵon al presisto. Vi nur precize konigu la Monoajn dimensiojn ; se li ne sekvas ilin, trankvile malakceptu lian liveraĵon. Se, en ekstrema okazo, iu ne volas presigi laŭ tiu formato, serene iru ĉe lian konkuranton. La presistoj ekzistas por la presaĵoj, ne la presaĵoj por la presistoj. Cetere, la ĝeneraligo de la sistemo estus por ili ŝatinda simpligo.

Alia Idistoŝajna argumento : « Kial oni elektis tiun formaton, kaj ne alian, kiu estus eble preferinda ? ». Al tio mi trankvile respondos : « Kial en Esperanto la substantivo finiĝas per o kaj ne per e, kiu estus same pravigebla ? ». Estas evidente, ke oni povas elpensi tiom da Monoaj tipoj kiom da lingvoj internaciaj, t. e. ne malmultaj, sed en afero, kiu baziĝas sur unueco, ŝajnas saĝe elekti unu fojon por ĉiam tion, kio montriĝis taŭga. La Monoa sistemo estas praktike uzita kaj disvastigita ; ĝi montriĝis oportuna, ni do uzu ĝin. Se ni volus diskuti ĝis oni trovos ion, kiu plaĉas al ĉiuj, pli bone estas ne komenci.

— Bone, pensos la leganto, tiu afero estas tute aprobinda. Mi plene konsentas, sed ĝi utilos nur kiam en ĉiuj lingvoj ĉiuj eldonaĵoj estos farataj laŭ tiu sistemo, kaj tiu tempo ne ankoraŭ venis...

(3) La Monoa formato estas sama kiel unu el la plej uzataj por fotografaĵoj.

— Ho, nekonscia Esperantisto, kiun pikas la kolero se vi aŭdos ke Esperanto utilos nur kiam la tuta terglobo ĝin scios, vi kiu protestas el via koro, ĉar vi ja scias ke Esperanto jam nun utilas por kiu volas ĝin uzi ; ne agu kiel viaj kritikantoj, sed montru, ke Esperantismo utile influis al via pensmaniero kaj vin liberigis je suprajaj antaŭkredoj. Jam de nun, la monoa sistemo estas praktike uzebla kaj povas fari servojn. Ĝi ne celas detrui tion, kio ĝis nun ekzistis, sed por la estonto forigi iom-post-iom tiun malordon, kiu povas nur kreski, kaj ĉar Esperantismo estas progresa movado, kial do ne praktiki tuj de nun tion, pri kio ni teorie ĉiuj konsentas ? Estas ankoraŭ la tempo. Kial ne aperigi niajn gazetojn laŭ la diversaj grandoj de tiu formato ? Kial ne publikigi tiel niajn gvidlibrojn, niajn broŝurojn, niajn librojn (4) ? Tio ne estus malfacila kaj certe estus bela pruvo de ordo kaj progresemo, multe pli ol daŭrigi la nunan ĥaoson kiam ni konas oportunan rimedon por ĝin forigi. Se niaj plej multaj eldonaĵoj de nun presiĝus laŭ tiu formato, la postaj eldonistoj, pro imitemo, sekvus, kaj, senrompe, same kiel en Esperantujo oni uzas la spesmilan sistemon, enkondukiĝus la Monoa sistemo. Al la beleco kaj simpleco de la lingvo uzata en niaj verkoj, ni aldonus la belecon kaj simplecon de ilia eksteraĵo.

Kio do, vi volas doni al ni plian originalecon ? Ni jam uzas unu lingvon, unu monsistemon kaj vi volas ke ni uzu nur unu formaton, krias flanke de mi fanatika lingva Esperantisto, ĉu ne sufiĉas labori por nia lingvo ?

Jes, fanatika lingva Esperantisto, kiu vidas nur la krudan materialon de nia lingvo, sed ne la ideon kiu radias tra ĝia historio, jes, mi volas doni al vi plian originalecon, ĉar el tiuj kunigitaj originalecoj, el tiuj sin reciproke helpantaj kulturceloj direktitaj al unueco, el tiu praktika kunlaborado inter ĉio, kio celas al ordo kaj harmonio, kreskos grava forto por la morgaŭa homaro, se ni komprenas, se ni volas. Mi deziras, ke la nomo de tiu forto estu *Esperantismo*.

H. HODLER.

# Al niaj Abonantoj

**Ni petas ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri finiĝo de sia abono dum tiu monato, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. (luksa eldono : 2,50 Sm.)**
**La abonoj komenciĝas de la I^a de ĉiu monato.**

**.˙. Por respondi diversajn petojn, ni informas, ke pro la neantaŭvidite granda nombro de mendoj, la N-oj 92 kaj 93 estas tute elĉerpitaj.**

**.˙. Ni rememorigas, ke ĉiaj korespondaĵoj koncernantaj la administran kaj redaktan fakojn devas esti sendataj al ESPERANTO, rue de la Bourse, 10, Genève (Svisujo).**

(4) Ĝis nun nur la Esperantiaj eldonaĵoj estas en Monoa formato. Ankaŭ la revuo Internacia Medicino. Kelkaj broŝuroj kaj gazetoj hazarde estas Monoaj ; aliaj proksimiĝas al ĝi kaj facile povus fariĝi tute Monoaj. Ni tiuokaze rememorigu la deziresprimon de la 1^a Kongreso de U. E. A. : « 1^e U. E. A. ne nur eldonu ĉiujn siajn presaĵojn en la Monoformato, sed ankaŭ klopodu por la disvastigo kaj diskonigo de tiu altvalora kulturfaktoro ĉe la komercistoj, iniciataj societoj, lernejoj, fervojoj, ŝipkompanioj ; 2^e U. E. A. proponu al la poŝtaj direkcioj de la diversaj landoj enkonduki dum la venonta Universala Poŝtkongreso la monoformaton kiel formaton por la poŝtkartoj. Por submeti tiun postulon U. E. A. samtempe provos veki en la influaj rondoj de komerco, industrio kaj ĉiuspeca interrilato la intereson al tiu popolliganta afero ».

GEOGRAFIO

## La Panama Kanalo

*(Sekvo)*

La unua kaj la plej gravega ellaborota tasko kontraŭstaranta la kanalkomisiitaron kiam ĝi komencis siajn laborojn, estis kontraŭbatali la terurajn malsanigajn kondiĉojn kiuj troviĝis ĉe la istmo. Ĉiam tiu loko estis kreskigejo kaj disvastigejo de la plej malbonaj malsanoj. La variolo, la flava febro kaj multaj aliaj marĉfebroj neniam estis for de Panamo. La suferoj kaj la mortperdoj de la francoj, dum ili laboris ĉe la istmo, estis por la usonanoj lecionoj, kaj ili rekonis la fakton ke estos necese tute forigi ĉiajn malsanigilojn antaŭ ol venigi tien la kanallaboristojn. Ke ili sukcesis, montriĝas je la nuna mortlisto kiu kompariĝas favore kun la plej sanhavaj lokoj en la tropiklandoj.

La admiregindaj provoj de la oficistoj komisiitaj por la granda tasko purigi la kanalregionon kaj forpeli la malsanigilojn postulas apartan priskribon. Sufiĉas diri ke dum la jaro 1909 la mortprocento po mil estis nur 18,32, cifero kiu mem antaŭparolas la sukceson atingitan. Pli ol 1200 viroj laboras en la saniga administrejo, kaj la ĉiujaraj elspezoj egalas 4.000.000 Sm. Entute la sanigaj aferoj kestos al la registaro proksimume 40.000.000 Sm. dum la fosado de la kanalo.

La konstruado de kanalo trans la istmon de Panamo prezentas kelke da treege malfacilaj inĝenieraj problemoj nediskuteblaj en tiel mallonga artikolo kia ĉi tiu. La regiono tra kiu ĝi pasos ne estas ebena, kiel estas la ĉirkaŭaĵo de Suezo, sed montethava kaj marĉhava. Ĉe Kulebra la teralteco super la marnivelo atingas iom pli ol 100 metrojn. Pro tio ke ĉi tie la fosado estos en la solida ŝtono la laboro estos tre multekosta kaj malrapidega.

La tuta longeco de la kanalo, de profundakvo en la Atlantiko ĝis profundakvo en la Pacifiko, estos 81 kilometroj. Ĝia terlongeco estos 65 kilometroj, Ŝipo vojaĝanta okcidenten eniros la kanalon en la golfeto Limon kie la malsupra larĝeco de la akvovojo estos pli ol 150 metroj. Per si mem ĝi vojaĝos al Gatun kie troviĝos la grandega kluzo. Ĉi tie ĝi suprenleviĝos ĝis la nivelo de la artefarita lago Gatun kies nivelo estas super la maro 26 metrojn. Trans ĉi tiu lago ĝi veturos per sia propra vaporo plenrapidece 39 kilometrojn ĝis Bas Obispo kie ĝi eniros la Kulebra Tranĉegon. La longeco de la Tranĉego estos 14.5 kilometroj kaj ĝia malsupra larĝeco 91 metroj. Pro la mallarĝeco de la kanalo je ĉi tiu loko kaj pro ĝia kurbeco la veturado tra ĉi tiu parto estos malrapida. Ĉe Pedro Miguel la ŝipo eniros kluzon kaj malleviĝos 10 metrojn ĝis malgranda lageto larĝece 2.5 kilometrojn. Transveturante ĉi tiun lageton ĝi alvenos al Miraflores kie ĝi eniros aliajn kluzojn per kiuj ĝi atingos la nivelon de la Pacifika Maro. De Miraflores ĝis profundakvo la longeco de la kanalo estos 13 kilometroj,

La digego ĉe Gatun konstruota por formi la lagegon trans kiu la ŝipo vojaĝos ĝis Kulebra estos vera mirindaĵo pro sia grandegeco. Longece ĝi havos 2,4 kilometrojn; larĝece ĉe la bazo, 8 kilometrojn, kaj ĉe la supro 122 metrojn. Ĝi formos lagon kiu ampleksas 400 kvadratajn kilometrojn. Elektromaŝinoj tiros la ŝipojn en-kaj tra la kluzojn. Tri horoj eluziĝos dum la veturado tra la kelkaj kluzoj, kaj por veturi tute tra la kanalo bezoniĝos dek aŭ dekdu horoj.

Ĉiam estis malfacile ricevi taŭgajn laboristojn. Italoj estis venigataj al la istmo sed ili ne posedis la necesan vivpovon; hispanoj estis la plej bona klaso ricevebla sed oni ne povis dungi pli ol malmulte da miloj je unu fojo; la oficistoj rekonis ke la kulioj de la Oriento tre taŭgos sed la usonaj leĝoj ne permesas la eniradon de orientuloj en usonan teritorion. Fine estis necese dungi la nigrulojn de Barbado, kaj ili estas venigataj al la istmo grandamase. Ili estas mallaboremaj kaj nekapablaj, kaj estas necese duobligi la nombron por ricevi la deziratan rezultaton. Oni pagas la nigrulojn 20 Sd. pohore kaj la hispanojn kaj aliajn eŭropanoj 32 Sd. pohore. Ĉiuj laboristoj ricevas la loĝejon senpage, kaj por la manĝaĵo pagas 60 Sd. ĉiutage. Ĉiuj estas liberaj iri kaj veni laŭvole; kiam ili laciĝas je la laboro,ŝipo portos ilin hejmen. Proksimume 35.000 dungitoj konstante laboras ĉe la istmo. En marto 1910 da nombro da dungitoj estis 38676.

La tuta kosto de la kanalo estas fiksita je 750,400,000 Sm. Pli ol 50 % de la laboro nun estas plenumita ĝi kompletiĝos en la jaro 1915. Jam oni komencas prepari por taŭge festi tiun gloran okazontaĵon. Eble la plej granda ekspozicio ĝis nun okazigita prezentiĝos en tiu jaro. La urboj Nov-Orleano kaj San-Francisko nun petegas la Kongreson por la honoro, kaj akraj estas la disputoj kaj la diskutoj pri la meritoj kaj la taŭgeco de la du urboj rilate al la estonta mondekspozicio. Ĉeestintoj ĉe la Sesa Kongreso de Esperanto en Washington rememoros ke ambaŭ San-Francisko kaj Nov-Orleano sendis delegitojn al la Kongreso por inviti la mondesperantistaron ke ĝi okazigu sian dekunuan Kongreson en la diritaj urboj. Estos bonege se estontaj kongresanoj pripensos la proponon kaj decidos partopreni en la honorigo de ellaboritaĵo kies celo estas la sama kiel tiu de Esperanto: la plialproksimigado de la nacioj unu al alia.

H. Hall (Cleveland).

## La Marbordaj Libertempoj en Anglujo

*(Sekvo)*

La Suda-Okcidenta marbordo de Anglujo estas pli ŝtonega kaj pli monteta kaj estas majeste bela. Estas la bela marbordo de la provincoj Devonshire kaj Cornivall, kiun oni nomis « la Riviera de Anglujo » aŭ « Italujo de Anglujo ». Ĉe la okcidenta marbordo ankaŭ estas la kimraj marlibertempejoj kaj laŭlonge tiu ĉi marbordo oni bone povas regali la okulojn per la beleco de ŝtonegoj kaj montoj kaj maro.

Unu el la ĉefaj allogoj de marborda urbo estas la sabla bordo. Tien ĉi la plej granda parto de la libertempuloj venas, kaj se ili estas plenaĝuloj sidiĝas kaj legas aŭ kudras, aŭ se infanoj, ludas sur la sablo kaj en la blua akvo. La marbordo estas ŝtonega, ŝtoneta aŭ sabla, sed ĉiuokaze ĝi estas la plej ŝatata loko.

Je varmega somera tago en Aŭgusto la bordo prezentas viglan aspekton. Ĝi estas kovrata de homoj, sidantaj aŭ promenantaj kaj de feliĉaj babilantaj infanoj. Pasantoj tien kaj tien ĉi en la amaso estas la vendantoj de trinkaĵoj, sukeraĵoj kaj fruktoj. Proksime de la maro estas aranĝitaj banulaj ĉambroj kaj la maro mem por multaj metroj eksteren estas provizita per naĝantoj — kaj ankaŭ ne naĝantoj. Ankaŭ estas la amuzistoj, kaj kelkfoje kun nigrigitaj vizaĝoj por simili nigrulojn. Tiuj ĉi kolektiĝis ĉe diversaj lokoj kaj eligas siajn kantojn kaj siajn ŝercojn al la ridanta amaso. Proksime de la marbordo ĝenerale estas promenejo kiu etendiĝas laŭ la longeco de la urbo flanke de la maro dum ĉe ĝi interspace estas metitaj seĝoj kaj grandaj pluvrifuĝejoj. Ĉiu grava marborda urbo ankaŭ havas sian muzikistaron — kelkfoje muzikistarojn, — kiu ĉiu vespere je la akompano de la murmuranta maro faras belsonan muzikon al la ĉirkaŭuloj.

La haveno estas ankaŭ unu el la ĉefaj allogoj de marborda urbo. La vera uzo de la haveno kompreneble estas por en kaj eligi la vaporŝipojn, kiuj prenas la libertempulojn el

ĉiuj partoj de la ĉirkaŭa marbordo. Sed la haveno de la ordinara marborda urbo fariĝis hela forta ŝtala konstruaĵo etendiĝanta duon-mejlon aŭ pli eksteren de la tero kaj formas tre ĝueblan promenejon, ricevante la plenan forton de la marvento. La enŝipiĝejo estas la neŭtralaĵo inter tero kaj maro. Dum vi estas sur la enŝipiĝejo, vi estas kiel sur la maro, kaj tamen la malagrablaĵo de marveturo ne ĉeestas kaj ne venas la timinda marmalsano.

Ĉe la fino de la haveno estas ĝenerale granda koncertejo, kie oni povas aŭskulti muzikon ĉiuvespere inter ĉarmaj ĉirkaŭaĵoj, dum la marondetoj sonas kise kontraŭ la subparto de la haveno kaj la enŝipiĝejo mem aperas simile al promontoro de ekbriletanta lumo, etendiĝanta en la marmallumo.

Tiuj ĉi do estas la ĉefaj allogoj de Angla marbordejo, sed estas aliaj. La urbo mem ofte estas ĉirkaŭata per bela kamparo, kaj oni povas forlasi mallongan tempon la ĉiam movantan, ĉiam ŝanĝantan maron por promeni laŭlonge la kvietaj senmovaj montetoj kaj herbejoj aŭ vidadi la altan grenon, rapide maturiĝantan.

Ĝi por ĉiuj estas saniga, ĝuiga kaj inspiriga ; ĝi levas dum mallonga tempo la spiriton super la batalado por ekzisto, liberigas la kapablojn korpajn kaj cerbajn por pli plena ŝato de la naturo.

Oni diris ke « Anglo plezuras malĝoje », sed tio ĉi ne estas korekta. Estas vere ke la Anglo ne montras siajn sentojn (laŭ Angla esprimo « Li ne portas sian koron sur sia maniko) », sed tamen li scias kiel eltiri el libertempo plenan ĝuon.

Preskaŭ ĉia marbordejo havas sian Ĉiujaran Ŝipkuradon, ĝenerale en Aŭgusto, kaj kelkaj el tiuj ĉi Ŝipkuradoj estas ja grandaj kaj gravaj aferoj, enhavantaj ŝipetkuron, boatkuron, naĝojn kaj ĉiajn humorajn kurojn.

Fine la marborda libertempo alproksimiĝas al sia fino. La ĉiutaga vivo de laboro aperegas proksime.

Fortigita kaj energia la libertempulo ree fariĝas laborulo ĝoje kaj espere se li uzis bone sian libertempon ; lia memoro ankoraŭ festegas je la penso de suna ĉielo kaj blua maro, kiun eĉ urba vivo ne povas detrui. — E. F.

IDEOJ & FAKTOJ

## Monumento por bonfarulo de l'homaro

La antaŭan jaron en Kopenhago estis konstruata monumento por Niels Ryberg Finsen, kiu reprezentas la dankadon de la tuta kulturhomaro al sia bonfarulo. Finsen uzis unuan fojon la fiziologiajn efikojn de la lumradioj por kuracaj celoj kaj elpensis rimedon per kiu li sanigis milojn da homoj, kiuj malsaniĝis je lupuso (1). Ankaŭ sur aliaj kampoj de medicino liaj esploroj — pri la saniga potenco de la lumradioj — estis uzataj kun bonaj sukcesoj. Finsen naskiĝis en Thorshavn (sur la Færœr-insuloj), instruis de 1890 ĝis 1896 en la Kopenhaga universitato kaj en la sama jaro li fariĝis direktoro de l'instituto por lumterapio kie li faris esplorojn pri la efikoj de la lumo sur vivantaj organismoj kaj la atingitajn rezultatojn li uzadis en la servo de la praktika medicino, precipe por la sanigo de la lupuso. La kuracado estis bazata sur tio, ke la lumradioj — precipe la bluaj, kiuj efikas detruante la bakteriojn — per lensoj estis koncentrigataj al la malsanaj ĉefaj korpaj partoj, dum oni forigis la varmradiojn kaj la ruĝajn radiojn per blue koloritaj akvofiltriloj. Por tio oni bezonis la elektran arklumon, kiu enhavas multe da bluaj radioj. La kuracado ĉiutage daŭris 1 ĝis 2 horoj kaj estis sendolora. — En la jaro 1903 Finsen ricevis la medicinan Nobel-premion kaj mortis la sekvantan jaron en Kopenhago. Li ĝuis la simpation de la angla reĝino Aleksandrino, kiu estas dana princino. La reĝino donacis la unuan Finsen'an lumradian aparaton al la Londona hospitalo. — A. Halamasek (Unter-Theleman).

(1) Lupuso estas tuberklozo de l'haŭto.

## Monda Petskribo por la paco

Juna energia sinjorino, Miss Anna B. Eckstein el Boston enscenigis mondan petskribon por la evitigo de militoj inter la ŝtatoj. Tiu petskribo estos submetata al la 3a Haga Konferenco kaj jen ĝia enhavo :

« En la konvinko, ke la certigo de la internaciaj rilatoj per kontraktoj kaj, se oportune, per arbitracia decido plimalgrandigos la bezonon al armado kaj iom post iom kondukos al malpliigo de la armado kaj per tio al plibonigo de la ekonomia kaj politika situacio de l'popoloj ; en la intenco danki la altajn registarojn por la paŝoj jam faritaj en tiu direkto (1), kaj helpi en la estonto komunajn klopodojn, ni, la subskribintoj el la diversaj ŝtatoj, ĝentile kaj insiste proponas, ke en la tria Haga Paca Konferenco estu farataj *Konvencioj* en kiuj ĉiuj ŝtatoj, subskribintaj la Hagan konvencion, sin devigas fari eblajn ŝanĝojn en la Statu quo de l'aŭtonomio aŭ de l'teritoria posedaĵo de la ŝtatoj nur per kontraktoj, kiuj estas starigataj per libera konsento de ĉiuj interesitaj ŝtatoj ; plue reguligi kiel eble per kontraktoj ĉiujn aliajn internaciajn interesojn, kaj submeti al arbitracia kortumo, kiu devas gardadi pri la Statu quo de l'aŭtonomio kaj de l'teritoria posedaĵo de l'ŝtatoj, ĉiun malpacon, kiu ne povas esti forigita per diplomatiaj traktadoj. »

Tiu bona entrepreno meritas, ke ĝi estus efike helpata de viroj kaj virinoj de ĉiu lando, ĉiu konfesio kaj de ĉiu politika partio. La popoloj sopiras sub la neelporteblaj armadspezoj. La elspezoj por la armeoj kiel lavango kreskadas de jaro al jaro. Pro tio grandaj kaj necesaj taskoj de la civilizado ne povas esti efektivigataj. Plue sentiĝadas ĝenerala plikariĝo de ĉiuj vivbezonoj, kies kaŭzo ne laste kuŝas en la grandegaj elspezoj por la armado. Sed ne nur tiom ! Se oni ne ĉesigas la malbenitan armadon, tiam la financa ruino de l'ŝtatoj estos neevitebla. Pri tio spertaj ŝtatviroj jam delonge atentigis. La angla ministroprezidanto Asquith, la itala « Premier » Luzzati, prezidanto Taft, Roosevelt kaj multe da aliaj konataj politikistoj diris, ke la konstanta pligrandigo de l'armado estas malprudenta kaj malbona forĵetado de l'nacia riĉaĵo. Ĉiam pli forta kaj pli ĝenerala fariĝas la postulo al malarmado. Sed ne unu sola ŝtato povas malarmi. La malarmado povos komenci nur post kreo de internacia jura situacio, sed tiam ĝi povos kaj devos esti ĝenerala. La monda petskribo en alta grado helpos la registarojn en iliaj klopodoj ŝanĝi la ekzistantan internacian situacion de perforto en internacian rajtordon. Kiel en la naciaj parlamentoj la plimulto de l'popola delegitaro decidas, tiel ankaŭ, ĉe la tria Haga Paco-Konferenco, la popola plimulto reprezentanta la publikan opinion de ĉiuj landoj — se ĝi estos *leĝe dokumentita* — influos al la starigotaj konvencioj. Pro tio estas necese pruvi statistike, ke en ĉiuj landoj la plimulto konsistas el tiuj viroj kaj virinoj, kiuj volas subteni la respondajn registarojn en la klopodado pliperfektigi kaj plibonigi la novan internacian ordon. La monda petskribo prezentas rimedon kaj formon por tiu statistika pruvado,

Centmiloj da subskriboj jam estas kolektitaj en aliaj landoj. Estus bonega kaj alta tasko de U. E. A. helpi al tiu petskribo laŭ sia tuta povo. Ĉiuj plenaĝaj personoj, viroj kaj virinoj rajtas subskribi.

Mi do proponas, ke la komitato de nia Asocio senprokraste komencu la kolektadon de l'subskriboj kaj ke ĉiu Delegito jam nun en sia regiono komuniku tion al ĉiuj Esperantianoj, por ke ili subskribu nur la foliojn sendotajn de nia Centra Oficejo.

Formuloj por la monda petskribo estas *senpage* haveblaj, en ĉiu dezirata nombro, ĉe la Internacia Oficejo por la Paco en Berno (Kanonenweg 12).— Trad. J. Schmid (D. D. Svisujo).

(1) ? Ekzemple la ĉiujare pligrandiĝantaj buĝetoj de l'milito kaj maristaro ! (Red.)

## La unua mondkongreso de rasoj

De la 26. ĝis la 29. julio 1911 okazos en Londono la unua mondkongreso de la homaj gentoj, al kiu jam anoncis sian partoprenon reprezentantoj de 50 diversaj nacioj kaj de 20 diversaj kulturoj el ĉiuj mondpartoj. Ĝia celo estas pridiskuti la komunajn rilatojn inter la Oriento kaj la Okcidento, inter la diversaj nacioj, por ke ili pli bone interkonatiĝu kaj amikiĝu, kaj por ke ĉiuj kune eklaboru por la prospereco de l'homaro. En la registro de la ĝis nun sin anoncintaj kongresontoj (jam pluraj miloj) ni trovas la nomojn de 12 respublikaj prezidantoj aŭ regantaj princoj, 25 parlamentaj prezidantoj, 24 ministraraj prezidantoj, 25 guberniestroj de diversaj eŭropaj kolonioj, 78 ministroj, pluraj centoj de universitataj profesoroj, inter kiuj troviĝas la plej famaj profesoroj de la internacia juro kaj la plej eminentaj vivantaj antropologoj kaj sociologoj. La paroladaron malfermos la direktoro de la hinda kolegio en Kuĉ-Behar (Brita Hindujo), S-ro Bradjedranath Seal, kiu prilaboris tre interesan temon : « Pri la rasa, genta kaj nacia ideo. » Post tiu raporto sekvos en 8 kunsidoj aliaj 70 de konataj fakuloj, inter kiuj oni renkontas la nomojn de multaj mondfamaj Eŭropanoj, Amerikanoj (ekz. L. Bourgeois, Sergi, d'Estournelles de Constant, Dilke, Fouillee, Mackenzie), Azianoj (Ĥinoj, Japanoj, Araboj, Egiptoj, Turkoj kaj Persoj), 3 negroj (1 el Ameriko, 2 el Afriko) kaj 1 amerika ruĝhaŭtulo, kiu estas doktoro kaj okupas unu el la plej honoraj roloj en la nordamerika publicistaro.

La paroladoj estos antaŭe presataj, kaj ne estos legataj ĉe la kongreso, sed ĉiu kongresano ricevos ilin hejme 1 monaton antaŭe por eventuale prepariĝi por la diskuto, en kiu la plej longa parolado ne devos daŭri pli ol 20 minutojn. Tiel oni evitos la enuigon de multnombraj paroladoj kaj oni dediĉos la tutan tempon al la diskutado, kio multe pli vivigos kaj pligravigos la kongreson ol tio ordinare okazas ĉe aliaj similaj kongresoj.

La lingvoj de la kongreso estos : la angla, la franca, la germana kaj la itala. Kongreson povas ĉeesti ĉiu homo sendiference pri sekso aŭ profesio. Aktivaj kongresanoj pagas 10 Sm. kaj rajtas partopreni la kongreson kaj senpage ricevi ĉiujn paroladojn (dika 500 paĝa volumo en angla aŭ franca lingvo laŭdezire). Pasivaj kongresanoj ricevas nur tiun libron kaj ne rajtas aktive partopreni, ili pagas 3.75 Sm.).

La aliĝontoj sin anoncu al la ĝeneralsekretario : M. G. Upilez, 63, South Hill Park, Hampstead, London. La monon oni sendu al la sama adreso per la Mantin's Bank, Ltd. London.

Ĉu ni Esperantistoj ne povus pretendi ke ankaŭ nia lingvo estu kongreslingvo? aŭ almenaŭ aktive partopreni en granda nombro ? Estus tre dezirinde, ke ni estu bone reprezentotaj ĉe tiu grava kongreso, por ke la kunvenontoj aŭdu kaj vidu kiel taŭge ni plifaciligas la popolajn interrilatojn (1).

Rubĉiĉ (Graz).

## Pesto en Manĝurio

La pesto en Manĝurio komencis aŭtune kaj daŭras ĝis nuna tempo, ĉiam kaj ĉie disvastiĝante. Kiel ĝi finiĝos oni tute ne povas antaŭdiri. Manĝurio, kiel ankaŭ Ĥinlando estas tre riĉa materialo por pesto. Ne estus elpenseblaj pli bonaj kondiĉoj por ĉiaj infektaj malsanoj, sekve por pesto precipe. Por kompreni tion, necesas ekscii, kiel loĝas la ĥinoj.

La Ĥinaj vilaĝoj kaj urboj konsistas el domoj tre malaltaj, faritaj el tabuloj ŝmiritaj per argilo. Fenestroj havas, anstataŭ vitroj, paperon. De ĉio tio en loĝejo estas tute malpure, la aero ne estas freŝa kaj bona, la suno preskaŭ ne ekrigardas tien. En ĉia loĝejo ĉiam sintrovas gastoj, kiuj venas nokte por dormi ; pro tio ili certe pagas. Por mono ĥino faros ĉion. Gastoj estas ofte tiel multe, ke kiam ili dormas ili tute kovras la plankon : iam dormas du-tri etaĝoj.

Tio-ĉi okazas tial, ke ĥino serĉante bonajn laborojn facile lasas sian vilaĝon kaj ĉie vagas. Li ne deziras pro noktodormo pagi karan prezon. Certe de tio la pesto povas kaj devas facile disvastiĝi tra tuta Manĝurio. Eŭropajn kuracistojn ili tute ne havas. En urbo Ĥarbin, kie loĝas ĉirkaŭ 20 miloj da ĥinoj kaj 20 miloj da rusoj nun la pesto estas tre disvastigita. Ĉiutage mortas ĝis 100-150 ĥinoj, rusoj preskaŭ ne mortas. Sed malsano estas treege disvastigita en vilaĝo Fugzjadjan, apud Ĥarbin, kie loĝas ĉirkaŭ 50 60 miloj da ĥinoj, kaj kie ne estas eŭropaj kuracistoj. Tie-ĉi mortas ĉiutage 200-300 ĥinoj. Vivaj homoj elmetas trupojn apud sia domo sur strato. Sanitaristoj veturigas ilin post vilaĝo aŭ jetas ilin en riveron Sungari aŭ sur insulojn de Sungari, kiuj printempe kovriĝos per akvo kaj ilin portos en Amuron. Sekve la pesto povos disvastiĝi en Amuro-Lando, kie ĝi ne estis ĝis nun.

A. Borisov (Blagovesĉensk sur/Amur).

* * *

Ĉirkaŭ Ĥarbino sin trovas multe da ĥinaj brikejoj. Nun la aspekto de tiuj brikejoj estas tre ŝanĝita. Super la urbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj pendas la senkompata vizio de « ruĝa morto » — pesto. Ĉe la turo-brikejaj fornoj estas amasigitaj rigidiĝintaj bluiĝintaj kadavroj. Ili kuŝas kun malfermitaj okuloj kaj rikanantaj dentoj kvazaŭ ridetantaj. La ĥinoj-sanitaristoj, indiferentaj por morto tiras kadavrojn al la mallarĝa fajrujo kaj kompatindaj oferoj de la « ruĝa morto » unu post alia malaperas post balanciĝantaj flamoj.

Oni puŝas ilin pli malproksimen per longaj stangoj kaj veturigas ĉiam novajn kaj novajn kadavrojn. La Ĥinoj, kiuj bruligas la kadavrojn, kun obtuza mieno rigardas al la forno kaj iafoje ili ekkrias pro senfina timo kaj forkuras disen, preminte la kapojn kaj ĉiam kriegante pro teruro. Efektive estas teruriga ĉi tiu lasta dancado de la kadavroj ! Ĉi tie en la fajrujo ili inter puŝiĝantaj supren ruĝaj flamoj kaj fluanta densa grasa fumo moviĝas. Ili rektiĝas la membrojn kuntiritajn dum la agonia batalo, svingas la brakojn kaj penas stariĝi. Jen, unu kuŝanta supre, li leviĝis kaj sidiĝis, malrapide levante supren la maldikan brakon kun falanta kaj fumanta haŭto. Sed post momento li falis surdosren ; el lia kapo kun bruo kaj siblo elpuŝiĝis vaporo kaj fluidaĵo. Kranioj krevas, en kiuj bolas kaj pufiĝas la cerbo ; rektiĝas kolono da vaporo de la okuloj kaj nur iafoje mano leviĝas supren kun hoksimilaj fingroj kaj ĝi brulas per hela fajro, kvazaŭ iun plendante aŭ minacante. El la fajrujo eliras nubo da fumo densa, grashava, teruriga.

Brulas ĉi tiuj fajro-kadavroj oferdonataj laŭlonge Sungari kaj vento pelas ilian sufokigan fumon al la ŝtona urbo de enmigrintoj, Ĥarbino.

Ĥarbinano, trad., N. Foss (Del. Ufa).

## Alkoholo kaj krimo

La fariĝo de krimoj kaj precipe de krudaj, afektaj kaj kontraŭmoraj deliktoj trovas sian plej fortan radikon en la akuta alkoholveneniĝo, en la ebrieco. Kaj same kiel la ĝuo de la spiritaj trinkaĵoj ne dispartiĝas egale por la semajntagoj, sed atingas sabate kaj dimanĉe sian altpunkton, por fali de lundo ĝis vendredo ĉiam pli malalte, tiel dispartiĝas ankaŭ la nombro de la kriminalaĵoj faritaj dum la ebrieco. Oni jam faris grandan nombron de tiaj enketoj en ĉiuj landoj de la mondo, kaj ĉiuj sen escepto kondukis al la sama rezultato. Laŭ statistiko de D-ro med. Holitscher el 204 punindaĵoj de unu semajno, faritaj en la Rejnprovinco, 120 okazis dimanĉe,

(1) Komunikaĵo de D-ro Zamenhof pri *internacia lingvo* estas anoncata (Red.).

25 sabate 32 lunde 4 vendrede ; la aliaj dispartiĝas je la ceteraj 3 tagoj. El 723 punindaĵoj de unu semajno en Sud-Germanujo okazis 254 dimanĉe, 103 sabate, 125 lunde, 48 vendrede. El 768 deliktoj de unu semajno en la reĝolando Saksujo defalas 209 dimanĉe, 117 sabate, 137 lunde, 67 vendrede. El 140 punindaĵoj en Svisujo estis farataj 60 dimanĉe, 18 sabate, 22 lunde kaj dum la aliaj tagoj po 10.

Same kiel la dimanĉo ankaŭ ĉiuj festoj dum kiuj laŭkutime multe estas trinkata montras gravan pliecon de ĉiuj alkoholdeliktoj, vilaĝaj festoj, karnavalo k. t. p. fariĝas klare rimarkeblaj per la kurboj, kiuj signifas la kreskon de la kriminaleco. Tiu ĉi realeco estas certigata de ĉiuj specialistoj.

PFAFF (Worms).

KOMERCO

## La situacio de la vinoj en Ĉampanio

La jaro 1910, tiel grave malfeliĉa por la agrikulturo, precipe difektas unu el la plej ĉefaj fontoj de riĉeco en Francujo : tio estas la produkto de vinoj. En tiu ĉi danĝera krizo, pro kiu suferas nun nia vinberkulturo, ni dezirus montri kia estas la estonta destino de Ĉampanio, tiu bela franca provinco, kies nomo gaje fama tra la tuta mondo, estas ĉie sinonima de ĝojo kaj abundo. Diroj plej eksterordinaraj pri tiu temo, jam rondiris en iaj gazetoj : sed ni facile pruvos ke ili estas eraraj. La vera situacio estas ja sufiĉe ĉagrena por ke ni ne aldonu malĝuste malhelajn kolorojn al la pentraĵo, jam efektive malgaja, kiun mi devas tie prezenti al niaj legantoj.

Nu do, la publiko trankviliĝu ! La plej ŝatata reĝo de vinoj, la ĉampano certe ne mankos. La grandega amaso kolektita dum la jaroj de abundo, kiuj pasis de 1900 ĝis inkluzive 1906, estas plej certe kaj parte uzita post tri jaroj, dum kiuj la rikolto estis preskaŭ nula. Tamen ĝi ne estas ankoraŭ jam tute konsumita. La lastaj oficialaj statistikoj de la « Komerca Ĉambro de Reims » same kiel ankaŭ la registroj de la Akciz-ofico, pruvas ke tiu rezervamaso enhavas ankoraŭ pli ol 160 milionojn da boteloj, dum la unujara mezakvanta konsumo de la lasta jardeko atingis nur 32.220.000 botelojn.

Tie do kuŝas kvanto da vino sufiĉa por provizi la tutan mondon dum ankoraŭ kvin jaroj : sekve ni nepre povas trankvile konsideri la nunajn okazojn. — Tamen, ĉar la kvantoj tie ĉi supre elnombrigitaj enhavas ĉion kio restas en Ĉampanio, tial saĝe estus eble konsili al la trinkemuloj, alte ŝatantaj la produktaĵojn de niaj Ĉampanaj montetoj, ke, de nun, ili ĝue gustumu tiujn vinojn kun pli ol iam profundaj respekto kaj pensado !

Ni devas efektive konfesi, ke, tiun ĉi jaron (1910) ni estas venkitaj de la « mildew » (elp. : mildju) (1), kiun potence helpis, por ĝia ruiniga agado, tiu malutila raŭpo, france nomita « cochylis » (elp. : koŝilis) (2). — Sed, malgraŭ ke ni nenion povas, tamen ni ne estas senkuraĝigitaj. La sola kaŭzo de la disvastiĝo de la detruaj ĝermoj estas la klimataj cirkonstancoj, tiel eksternormalaj dum tiu ĉi jaro. Nenio povas utile agi kontraŭ la elemente vera aksiomo, kiu diras, ke vinberojn oni ne povas sen suno maturigi. Sed, pri la estonto, ni povas certigi, ke la rikolto de 1911 estas tute ne en danĝero, dank' al la energiaj rimedoj uzitaj de la kulturistoj por antaŭgardi la trunkojn kaj la foliojn de iliaj vinberarboj (reboj).

La manko de vinberrikolto estas malfeliĉo malfacile elportebla, precipe tiun ĉi jaron, pro tio ke la ruiniĝo kromvenas post la nebona situacio, kiun kaŭzis la du lastaj rikoltoj de 1908 kaj 1909, multe malpli abundaj ol la normo. Se oni pripensas ke la terbienoj estas tre dispecigitaj en Ĉampanio, kie 16.000 hektaroj estas dividitaj inter 20.000 vinberistoj, ke la kulturo de la ĉampanaj specoj de vinbero tre multe kostas pro la specialaj zorgoj kiujn ili bezonas, kaj kiuj atingas 1.200 Spesmilojn por unu hektaro, oni do povas vidi ke multaj malfeliĉaj bienuloj, jam ŝuldantoj post la deficitaj rikoltoj de 1908 kaj 1909, perdos dum tiu ĉi jaro la tutan koston de la zorgoj postulitaj de siaj vinberujoj, kaj tamen tiuj ĉi zorgoj fariĝis ankoraŭ pli malfacilaj kaj kostaj pro la multaj kuracoj necesigitaj de la batalo kontraŭ la « mildew ».

La grandaj firmoj de Ĉampanvinoj, atentigitaj de tiu stato de aferoj ne atendis, ke la krizo atingis tiel altan gradon, antaŭ ol plenumi siajn devojn por la vinberistoj, kun kiuj ili grave partoprenas en profitoj kaj malprofitoj. — Post la tre malabunda rikolto de 1908, grandegaj sumoj estis pruntedonataj de la firmoj, al la momente embarasataj vinberistoj. Tiuj pruntedonoj estis daŭrigataj depost tiu tempo, kaj seninterrompe, por ke la vinberistoj povu vivi kaj konservi siajn bienojn ĝis pli favora tempo. — Tamen, tiun ĉi jaron, la situacio komplikiĝas ĉar la terbienoj de la vinberistoj jam portas hipotekon; tial do, tiuj povos nur kun garantio pruntepreni. — Pro tio, la firmoj de Ĉampanvinoj interkonsentis por ke ĉiu el ili helpu siajn proprajn liverantojn de vinberoj, tra la pero de la « Regiona agrikultura Kaso » (3). — Sed la vinberistoj kiuj ne havas kutimajn aĉetantojn, estas do sen garantio: nu, tiuj profitos la krediton kiun la « Departemento » (4) metis je la dispono de la Regiona agrikultura Kaso. — Tiaj klopodoj ŝajnas tiom pli laŭdindaj ke la grandaj firmoj de Ĉampanvino aĉetos nenion dum tiu ĉi jaro (1910) ; kaj ni devas tie rimarki ke tia sindeteno estas pruvo de la skrupuloj, kun kiuj tiuj firmoj elektas sian materialon. Ili preferas malgrandigi la vendadon, plivole ol permesi la plej malgravan malaltigon en la kvalito de tiu ĉi fama produktaĵo.

Markizo DE POLIGNAC (Reims).
Trad. M. LAIGNIER, Del.

NOTOJ

*6 aprilo.* — Malfermo de la internacia kongreso de filozofio en Bologna. — A. T.

*17 aprilo.* — En Stattford-on-Avon, Anglujo, grandoj internaciaj festoj je honoro de Shakespeare. Por informoj sin turni al la Del. de Coventry kaj Birminigham. — J. W. B. kaj W. S.

*20 aprilo*, en Parizo, malfermo de la 27-a ekspozicio de la « *Artistes indépendants* » (Sendependaj Artistoj), kajo d'Orsay. M. G.

*1-6 majo.* — Internacia terkultura Kongreso en Madrid. — E. S.

*La VII-a Kongreso de la franca pacifista Asocio « La Paix par le Droit »* (Paco per Juro). Esperantia entrepreno, okazos la 4-7 junio 1911 en Clermont-Ferrand. Por aliĝoj aŭ ĉiuspecaj informoj sin turni al S-ro Laude, sekretario de la Kongreskomitato, conservateur de la Bibliothèque municipale, Clermont-Ferrand (Puy-de-Dôme). — (La Paix par le Droit).

*18 fino de junio.* — Eŭropa aviada rondflugado, de Parizo, al Liège, Utrecht, Bruxelles, Londono, Parizo. 175.000 $ estas promesitaj por premioj. — *Le Journal.*

*10-12 aŭgusto.* — En Budapest Laborista konferenco, en kiu partoprenos nur la delegitoj de diversaj naciaj sindikataj centroj, por diskuti ĉefe pri laboristaj demandoj de internacia karaktero. E. S.

*17-24 octob.* en Romo, 19-a kongreso por la Paco. — S.

(1) Malsano de la vinbero, kaŭzita de mikroskopa fungo : peronospora viticola.

(2) Latine : Cochylis ambiguella.

(3) La « Regionaj agrikulturaj Kasoj » estas popolaj bankoj, kiuj ne celas monprofiton, sed havas filantropian celon, kaj vivas nur dank' al gravaj diversaj subvencioj.

(4) Regiona ŝtata administracio.

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Genezo**, el la originalo tradukis D-ro L. L. Zamenhof. — Paris, Hachette, Prezo : 0.80 Sm.

Ĉar ne decas, ke mi recenzu kaj kritiku la originalon nek la tradukon, mi nur resumos la tre interesan antaŭparolon per kiu nia majstro klarigas kial, posedi la Biblion en bona esperanta traduko estus por ni afero eksterordinare grava. 1e Neniu libro estas tiel konata en la tuta civilizita mondo. 2e Nenia libro havas tiom multege da adorantoj 3e Nenia libro havis en la historio de la homaro tiel grandegan signifon. 4e Por la plimulto de la nuntempaj kulturaj lingvoj la Biblio estis la ĉefa bazo, sur kiu la lingvoj literaturiĝis kaj disvolviĝis. 5e Ĉar ĉiu povas tre facile havi la tradukon de la Biblio en sia nacia lingvo kaj komparadi ĝin kun la traduko esperanta, tial por ĉiuj popoloj de la mondo la esperanta traduko de la Biblio povas esti tre oportuna kaj bona rimedo, por facile kaj *fundamente* ellerni Esperanton...

Pri la scienca valoro de tiu traduko oni povas juĝi el tiu tro modesta deklaracio de D-ro Zamenhof : « Lasante la Novan Testamenton al aliaj, pli kompetentaj tradukontoj, mi elektis por mi la Testamenton Malnovan, ĉar la lingvon, en kiu estas verkita ĉi tiu parto de la Biblio, mi konas, laŭ mia opinio, en sufiĉa grado, por ke mi povu entrepreni la tradukadon ».

Ĉiu esperantisto, almenaŭ ĉiuj grupaj bibliotekoj devas havigi al si tiun gravegan verkon, kiel ĉiujn aliajn verkojn de nia majstro. Tio estas la plej bona rimedo, ne nur por ellerni Esperanton, sed ankaŭ por konservi kaj firmigi nian lingvan unuecon, centfoje pli necesan ol plej ofte iluzia lingva perfekteco.

**Elementoj de la geometrio absoluta** verkis D-ro Cyrillo Vœrœs, profesoro de l'piaj lernejoj. — Budapest, eldonejo de Ludoviko Kokai. Prezo 2 Sm.

Tiu grava verko interesos la esperantistojn matematikemajn, sed ĝi ankaŭ povos utili al ĉiuj grupoj kaj propagandistoj por pruvi, ke Esperanto perfekte esprimas la plej abstraktajn ideojn kaj teoriojn.

En la *enkonduko* de tiu verko mi legis, ke multaj sciencistoj dum du mil jaroj klopodis trovi pruvon de la kvina postulato de Eŭklido. Liaj penadoj ne atingis la deziritan celon, sed ne estis senrezulte vanaj : *la postulato estas nepruvebla*. Por verigi tion ĉi necese estas konstrui sistemon geometrian sen la dirita postulato. Samtempe tri profunde pensantaj matematikistoj, nedepende unu de alia, faradis tiun ĉi laboron : Gauss, Bolyai, Lobaĉevsky. Inter la postsekvintaj laborintoj oni trovas : Riemann, Helmholtz, Beltrami, k. t. p. La nomitaj scienculoj estis fondintoj de la *geometrio absoluta*... Nun, kara leganto, se vi deziras pli da sciigoj, turnu vin al la verko mem de S-ro Vœrœs !

**La Kato**, de D-ro Johano Rajberti, el Itala lingvo trad. A. Tellini. — Genève, Univ. esperantia librejo, 10, rue de la Bourse. — Prezo : Sm. 0.20.

Tiun sprithumorajon de J. Rajberti tre bonstile tradukis S-ro A. Tellini.

La principo de tiu verketo estas « la senĉesa komparado de la homoj kun la bestoj... Se ni havas malspritan genion, oni nomas nin bovoj ; se nesocietamaj, ursoj ; se malklerulo], azenoj, k, t. p. ».

Laŭ la aŭtoro, kiu tre sprite kaj argumentoriĉe defendas sian satiran tezon, la kato perfekte simbolas preskaŭ ĉiujn virtojn (kaj malvirtojn) de la homa raso. *Se non e vero...*

**Kaatje**, Kvarakta teatrajo de Paul Spaak, esperantigis D-ro W. Van der Biest. — Paris, Hachette, Prezo : Sm. 1.

Mirinde trafis D-ro W. Van der Biest en la elekto de la verko prezentota dum la Sepa en Antverpena teatro. Mirinde ankaŭ li sukcesis, ellaborante plej lertan, facilkomprenan, fluan kaj vere klasikan tradukon.

En tiu meritplena kvarakta teatrajo de S-ro Paul Spaak, viva, la nederlandaj familiaj sentoj, la norda simpla kaj profunda hamo batalanta kontraŭ neadaŭra sudlanda ampasio, fine la hejma feliĉo, kontraste kun la klasika imitema arto, celanta pentri nur alitempajn, alilandajn temojn.

Juna nederlanda pentristo, Jan, vojaĝis Italujon por perfektigi en fama fremda lando sian esperigan talenton. Li forlasis siajn gepatrojn, adiaŭis sian amindan kuzinon Kaatje'n, forveturis de la griza nebula frosta ĉielo de sia patrolando por vidi.

La bluon la senfinan de l'ĉielo,
Sen nub' alia, ol la fumo de l'
Altega flamkraĉanta mont'Vesuvo !
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
(por vidi) la pentrajojn admirindajn,
En kiuj la ravata kor' retrovas
Samtempe ĉiujn belajn revojn kaj
La tutan vivon ! (p. 13.)

Post du jaroj li revenas en la naskiĝan hejmon, ne sola : li nehoneste enkondukas en la gepatran domon, certigante ke ŝi estas lia edzino, junan belan Italinon, Pomona. Sed baldaŭ Pomona enuegas en tiel kvieta hejmo, sub tiu sensuna frosta ĉielo ; ŝi sopiras al hela Italujo, kaj fine (ĉar Jan rifuzas denove forlasi siajn maljunajn gepatrojn) ŝi forkuras... Post tiu terura bato, Jan perdas kuraĝon, artemon, esperemon ; sed iom post iom li resaniĝas, reviviĝas, saviĝas pro la energiaj riproĉoj de l'patro, dolĉaj karesoj de l'patrino, delikataj kuraĝigoj de la ĉarma Kaatje, kiu montras al li la devon kaj renaskas en la koron de sia amegata kuzo samtempe la amon al patrolandon kaj la amo al nacia arto,

Ho, rigardu,
Rigardu ! Tiel bela, kiel ia
Legend- aŭ la historipentraĵo,
Jen atendiĝas nia horizonto,
La vasta horizonto de Holando,
Kun sia malrapida riverego,
Kun siaj muelejaj krucobrakoj !
Rigardu la kanalon, kiu treme
Reflektas ia ĉiaman vojiradon
De l'blankaj nuboj ! Ho, kadraj' belega
De lia viv', kaj vi, patruja suno,
Konvinku lin, ke oni povas fari
Senmortajn verkojn, se nur oni restas
Fidela al la propra land', se oni
Ĝin amas, kaj se oni sur la tolo
Nur pentras ĝian lumon, la kutiman
Dolĉegan intimecon de l'patrujo,
La urbon, la riveron, la ĝardenon,
La hejmon de l'gepatroj, tiun ĉambron
Malnovan, tute plenan de parfumo,
De ordo, de honesto kaj de floroj !... (pp. 109, 110.)

Esperantistoj, tuj legu tiun ŝatindan verkon ; vi ĝuos, ĉu pro la beleco de la originalo, ĉu pro la eleganta simpleco de la traduko, la plej agrablajn momentojn... kaj leginte, vi relegos... kaj releginte vi tuj mendos vian kongreskarton por ĉeesti la prezentadon de « Kaatje ».

Verto.

# Paul Berthelot

Kun profunda malĝojo, mi konigas al la legantoj de *Esperanto* la morton de la fondinto de tiu jurnalo, Paul Berthelot. Komencante tiun nekrologian artikolon, mi trovas en mia spirito amason da memorajoj pri nia mortinta samideano.

Paul Berthelot lernis Esperanton en la jaro 1898 aŭ 1899 en Reims (Marne). Li estis, je tiu epoko, juna lernanto de la kolegio, li jam interesiĝis pri ĉiuj novajoj kaj sociaj progresadoj, kaj li estis pli speciale allogata de la lingvaj demandoj. En 1901, se mi bone memoras, li estis en Paris, kaj fervore propagandis nian lingvon, dum li studadis matematikojn en la liceo Saint-Louis, kie lia profesoro estis S-ro Carlo Bourlet.

En tiu epoko mi konatiĝis kun li, kaj mi neniam forgesos niajn promenadojn kaj konversaciojn. Li estis treege inteligenta, agema kaj sprita. Kiam aperis la « Lingvo Blua » de S-ro Bollack, Berthelot lernis kelkajn frazojn en tiu lingvo kaj li vizitis ĉiujn parizanojn enskribitajn inter la adeptoj de tiu lingvo, salutante ilin en la blua lingvo.

Ĉiuj, senescepte, devis konfesi al li, ke ili ne scias la lingvon !

Ĉiumaniere Paul Berthelot propagandis Esperanton en tiu epoko, kaj li verkis kunlabore kun S-roj Cart kaj Merkens vortaron franca-esperantan, kiu dum longa tempo estis nia sola franca vortaro. Sed li fariĝis malsana, sufiĉe grave, kaj li nepre devis forlasi Parizon por spiri pli bonan aeron. Li do iris en Céret (Pyrénées-Orientales), kie li okupiĝis pri presarto. En la komenco de 1905, li havis la ideon fondi propagandan jurnalon en franca lingvo kaj la 18. junio aperis la unua numero de *Esperanto*, en franca kaj esperanta lingvoj. Paul Berthelot estis administranto kaj S-ro Charles Lambert, el Dijon, redaktoro. Por tiu jurnalo, Berthelot verkis multajn interesajn artikolojn, ĉu propagandajn, ĉu lingvajn, kaj li publikigis en ĝi la unuan provon de vortaro esperanto-esperanta, kun esperantaj difinoj, kiel ĝi estis majstre realigata de S-roj Boirac kaj Kabe. Interesiĝante ĉiam pri lingvaj demandoj, li publikigis *Provo de kemia nomigado* kaj *Fonetiko litera, skizo pri kelkaj konsonantoj*. En kunlaborado kun S-ro Lambert, li verkis *Komercaj Leteroj* publikigitaj de Hachette.

Kelkajn monatojn antaŭ la Kongreso de Ĝenevo, Berthelot venis en tiun urbon kaj laboris kun la Loka Komitato de tiu Kongreso. Post la Kongreso, li foriris Amerikon.

Li iris en Brazilujon, kaj tie li daŭrigis sian propagandon por nia afero. De tempo al tempo, li sendis al la esperantista gazetaro artikolojn ĉu pri lingvaj demandoj, ĉu pri Ameriko. Antaŭ unu jaro li sendis karton al unu el siaj parizaj amikoj, dirante al li, ke li foriras de Rio-de-Janeiro, iras en la centron de la lando, en regionon senhoman kaj danĝerplenan, kaj ke, estante preskaŭ certa, ke li neniam revenos, li sendas lastan adiaŭon al siaj amikoj. De tiu tempo, oni havis neniun novajon de li...

Antaŭ kelkaj tagoj, letero datumita de la 9-a de novembro 1910, kiu bezonis kvar monatojn por alveni Parizon sciigis pri la morto de Berthelot. Li troviĝis, diras la skribinto, en Leopoldina. Sentante sin tre grave malsana, li decidis laŭiri la riveron Araguaja, ĝis Conceidad. Li intencis, en januaro, epoko de la altaj akvoj, uzi unu el la multaj ŝipoj, kiuj, je tiu momento, iras al la maro, por atingi Belem. Li alvenis en Conceidad, apud Goyaz en Aŭgusto, kaj malgraŭ ĉiuj zorgoj, mortis la 2-an de novembro 1910, konservante ĝis la fino, sian tutan memkonsciecon.

Mi estas certa, ke la legantoj de *Esperanto* ne forgesos la nomon de Paul Berthelot, kiu estis, ĝis sia lasta horo, fervorega ano kaj propagandisto de nia lingvo.

Gabriel Chavet.

* *

Mi deziras aldoni nur kelkajn vortojn al la artikolo de S-ro Chavet. Mi havis la okazon konatiĝi kun Berthelot antaŭ la Ĝeneva Kongreso, por kies aranĝo li multe laboris. En tiu urbo li reaperigis *Esperanton*, momente ĉesintan dum lia transvojaĝo. Post la Kongreso li foriris Urugvajon, poste Arĝentinon kaj Brazilujon, ĉiam propagandante kaj instruante Esperanton, kaj en komenco de 1908, mi reprenis la de li fonditan gazeton. El Ameriko li kelkfoje sendis al ni rimarkindajn artikolojn pri siaj vojaĝimpresoj. Malgraŭ sia malsano kaj aliaj malhelpoj, li estis gaja kaj ĉiam agema. Brila imago kaj ekstrema sentemo kuniĝis ĉe li kun subtila inteligento kaj tre diversflanka kulturo. Sed lia sano kaj eble troa romantismo ne permesis al li tute produkti laŭ liaj grandaj kapabloj. Neniam oni tro ripetos kiom li sin donis al Esperanto kaj kio Esperanto estis por li. Dum sia vivo, ne ĉiam feliĉa, li konstante pensis al ĝi kaj serĉis por ĝi novajn vojojn. Li estis nekomparebla instruanto kaj rakontanto ; lin aŭdante oni akceptis Esperanton malpli pro Esperanto mem, ol pro li. Kara kaj viva restos rememoro pri li ĉe ĉiuj, kiuj lin alproksimiĝis kaj komprenis.

H. H.

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

Grava Avizo. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10a** *kaj* **25a** *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintajo.*

**Novajoj el la distriktoj.** — *Bohemujo.* — La urbestraro de Karlin (apud Praha) donis 100 kronojn por subteni la informan oficejon. En la komitaton de la Boh. Ligo por akceli turismon estas invitita del. de Centra Boh. Asoc. Esp. — Du kinematografoj en Praha prezentas lumbildan reklamon por Esp.-Vigla movado en Chrzin, Louny, Ĉeska, Skalice, Rakovnik, Nymburg, Kladno, Pribram. — B. U. E.

Regionaj Kunvenoj de U. E. A.

En *Varsovio*, 27. febr., 22 pers. ; raporto de la Del. diskutita kaj aprobita ; same. raporto de la kom. konsulo. Oni konsentas inviti S-ron Parrish el Los-Angeles (Usono) por propag. paroladoj. Projekto pri gvidfolio, akceptata. Del. Robin fariĝas Distrikta ; estas elektataj : Reg. Del. S-ro L. Chybecinski ; Vic.-Del. I. Teichfeld. — S-ro Lotte proponas, ke la C. O. de U. E. A. eldonu ĝeneralan nomaron kaj adresaron de Esp-ianoj. — W. W. kaj W. R.

En *Moskvo*, 3. marto, 47 pers. ; raporto aprobita. Propono fondi regionan kason : aprobita. Propono enregistrigi U. E. A. : ekzamenota de jura komisiono. — S. S. kaj R. M.

En *Nancy* (Franc.), 3. marto ; raporto aprobita ; la Del. parolis pri la Celo de U. E. A., la nova statuto, la centra Oficejo, la Centra Organizo, la reg. organ., la Kongresoj de U. E. A., la financoj. Diskutado pri la propono de S-ro Parrish (el Usono) propag. per esp. paroladoj. — H. M.

En *Valencia* (Hisp.), 5. marto, 48 pers. ; raporto akceptita ; oni decidas fari ĉiumonate ekskurson. — L. P. kaj R. A.

En *Paris*, 10. marto, 15 pers. ; la esp-ianoj tie pliiĝis de 46 ĝis 91. La vic.-del. legas rap. pri faritaj servoj, proksimume 400 ; aplaŭde akceptata ; li atentigas la ĉeest. pri la monkolekto por la aviado. — M. G. kaj G. W.

En *Rotterdam* (Nederl.), 16. marto ; 10 pers. ; la Del. dankas la V.-Del. pro lia helpo. Proponoj ; *a*) ke la adresaro de la reg. esp-ianoj estu presata ; *b*) ke la Centra of. instigu la aliajn Del same agi. Ambaŭ estas akceptataj. — P. V. kaj M. P.

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Sidi-Bel-Abbès* (Alĝerio), S-ro Roux reorganizis la grupon ; 50 membroj. — C. R,

En *Ludwigshafen a/Rhein*, fond. de S-ro H. Pfaff. — H. P.

En *Sampierdarena* (Italujo). — A. S.

En *Rivarolo* (Ligurio, Ital.), la 9. de marto, — A. S.

En *Puebla de los Infantes* (Prov. Sevilla, Hisp.), fond. de Prof. Carto Vilar. — P. L.

En *Bodenbach* (Bohem.), le 12 marto fondiĝis Ligo de la germanlingvaj grupoj ; prez : D-ro Lederer. — E. K.

En *Genova*, la « Liguria Esperanto Instituto » ; D-ro A. Stromboli, Del., direktas la kursojn. — A. S.

En *Centra Italujo*, la « Esperantista Umbria Asocio ». — A. M.

En *Potsdam* (Brandenburger-str., 71, German.), fondiĝis komitato por enkonduki Esp. en la praktikan vivon ; ĝi deziras ricevi precizajn informojn de ŝtataj aŭtoritatoj, de institucioj por interrilatoj, de firmoj partoprenantaj la esp. movadon. Subskribis la alvokon : Prof. D-ro A. Schmidt, estro de la meteorol. Observejo, kaj S-ro Vosberg, Ĉefurbestro de la Reĝa Restadejo. — O. S.

**Novaj kursoj.** — En *Boras* (Sved.) post propag. de S-ro J. Blomqvist. — J. A. B.

En *Perugia* (Ital.) P-ro Mazzolini, kun 21 lernantoj. — A.M.

En *Prostejov* (Moravio) S-ro Pitlik ĉe komerca Akademio, 80 lern. — B. U. E.

En *Budejovice* (Aŭstrio) S-ro Svacina, ĉe knabina indust. lernejo. — B. U. E.

En *Sidi-Bel-Abbès* (Alĝerio) Prof. Thomas, S-Del. U. E. A., ĉe la popola Universitato. — C. R.

En *Genova* (Ital.) D-ro Stromboli, ĉe la katolikaj Societoj ; pli 70 lern. — A. S.

**Kunvenoj kaj festoj.** — La 10 de marto, la Del. de *Portsmouth* organizis koncerton pro la vizito de Prof. R. Dulaurens ; la jurnaloj raportis pri la servoj de U. E. A. aluditaj de la vizitanto. — A. H. M.

La 15 de marto, en *Augsburg* (Bavarujo) printempa kunveno de la Esp. Societo ; 60 partopr. ; D-ro Ledermann parolis pri la progresoj de Esp. kaj la mondkongresoj. — E.P.

La 25 de marto en *Lausanne* (Svis.) vesperfesto de la tiea grupo ; komedioj kaj concerto, nacilingvaj kaj esp. kantoj ; bona sukceso. — E. B.

**Paroladoj.** — S-ro J. Schmid, D. Del. Bern, parolis pri Esp. kaj U. E. A. : la 1 marto en *Burgdorf* (Bern) ; la 25 en *Liestal* (Basel) ; la 26 en *Sissach* (Basel). Kontentiga rezultato. — J. S.

En *Bremen* (Germ.) 18 marto, S-ro R. Naklé. — B. B.

En *Rivarol* (Ital.) D-ro Stromboli ĉe la popola Universitato. — A. S.

En *Genova* (Ital.) D-ro Stromboli pri Esp. kaj U. E. A. ĉe la katolikaj Societoj kaj ĉe la popola Universitato (200 ĉeest).

A. S.

## OKAZONTAĴOJ

*16 apr.* — II-a Tutaŭstria Esperanto-Tago en *Praha*.

*17 apr.* — Festeno en *Monaco* ; je la 10-a matene esper. meso de Abato Pichot. — J. M.

*Majo.* — En *Lisboa* (Portugal) IV-a inter. kongreso de Turismo ; ekskursoj. La tieaj reprezentantoj de U. E. A. klopodos por ĝin konigi al la kongresanoj. — B. M. d'A.

*21-23 apr.* — En *Lyon*, 1-a Nacia Kongreso de S. F. P. E. kaj regiona kongreso de la F. E. G. R. (vidu N-on 96 de « Esperanto »).

La dimanĉon 28, je 8-a matene *precize*, ĉiujara kunveno de la Sud-Orienta distrikto de U. E. A., en la grande salle du Conseil des Prud'hommes, Palais du Commerce. Tuj poste en la sama loko granda kunveno de ĉiuj Esperantianoj, Distr. Del. Del. konsuloj, simplaj membroj, francaj aŭ ne, ĉeestantaj en Lyon. Tagordo : Interŝanĝo de ideoj pri jenaj temoj : gvidfolioj, kaj gvidlibroj : varbado de Esp-iaj Entr. ; Afiŝoj de U. E. A. ; Esperanto-Ekspozicioj ; ekskursoj kaj rabato sur la fervojoj, paroladoj pri turismo, komerco k. c., per Esperanto ; raportoj pridiskutotaj en Antverpeno k. c.

Ĉiuj Esperantianoj kiuj deziras submeti ideon al la kunveno, bonvolu antaŭinformi S-ron Rousseau, vicpr. de U. E. A., 3 boul. Sévigné, Dijon, kiu ĉeestos.

*Grava* : Okaze de tiu kongreso, ni rememorigas ke aro da 12 esperantianoj minimume el kiu ajn deveno, havantaj sian membrokarton kaj insignon, kondukataj de Del. aŭ Distr. Del. rajtos ricevi rabaton da 50 % el la irreira biletprezo, kiel membroj de filantropia Asocio : por pluaj detaloj sin turni al la stacidomoj.

La esperantianoj izolaj kiuj deziras veturi Lyon'on do tuj skribu kiel eble plej rapide al sia Distrikto Delegito kiu provos aranĝi aron da 12 vojaĝontoj. Por Parizo sin turni al S-ro M. Génermont, V. D., 55, rue des Saints-Pères, Paris.

*25-28 majo.* — En *Genova*, 2-a kongreso de la Italaj Esper., sub la Honora Prezidanteco de la Urbestro de Genova kaj de la Inspektoro de la Reĝaj lernejoj. Organiza komitato : D-ro Stromboli, prez. ; G. Sciuto, v.-prez. A. Schmucher, Sekr. ; D. Giulitti, kas. — Programo :

*25 de majo.* — 4-a vesp. Malferma kunveno ; 9 a vesp. propag. parolado.

*26.* — 10-a matene : kunsido. 3-a vesp, : Vizito de la Urbo. 9-a vesp. : Vesperfesto ĉe la Teatro.

*27.* — 10-a matene : lasta kunsido. 3-a vesp. ; kunveno de la Itala Federacio. 9-a vesperkunveno.

*28.* — Veturado al Portofino Vetta kaj festeno.

Pri informoj : D-ro A. Stromboli, Via Assaroti 54-15, Genova.

I. F. E.

*3-5 junio Brno-Brünn* por la 10-a datreveno de la fondo de la 1-a grupo en Aŭstrio. Programo : la 3. vespere, akcepta kunveno. La 4. : matene, propag. parolado ; posttg : vizito de la urbo ; vespere : kunveno. La 5. : Ekskurso al la grotoj de Macocka.

Por informoj : Esp. Grupo, Kozi ulice 19, Brno (Moravio, Aŭstrio). — K. C. E.

*4-5 junio.* — 3-a Belga kongreso en Charleroi. — H. H.

*4 5 junio.* — Kunveno de Svisaj Esp-ianoj en Zürich. — H. H.

*24-25 junio.* — 2-a kongr. de la katalunaj Ezp. en Tarragona.

H. R.

## DIVERSAĴOJ

∴ *La Sepa.* La Sepo por la Sepa petas ke la gekongresanoj senprokraste rezervigu siajn ĉambrojn dum 5 sinsekvaj tagoj kun la rajto resti pli longe proporcie je la sama prezo. Por ĉambro kaj 3 manĝoj ĉiutage dum 5 tagoj ili devos pagi :

| | | |
|---|---|---|
| 1ª Klaso : | maksimume | 30 Sm. |
| 2ª — | — | 20 — |
| 3ª — | — | 15 — |
| 4ª — | — | 12 — |

Por ĉambro kaj matenmanĝo dum 5 tagoj, la prezoj estas :

| | | |
|---|---|---|
| 1ª Klaso : | maksimume | 20 Sm. |
| 2ª — | — | 15 — |
| 3ª — | — | 10 — |
| 4ª — | — | 7 — |

Necese estas skribi la tagon, se eble horon, de la alveno Ĉiuj kongresanoj matenmanĝos en sia hotelo, sed la plimulto tag- kaj vespermanĝos aliloke. Oni bonvolu sendi la maksimuman sumon de la elektita klaso al la Sekr-Kasisto de la Sepa ; la eventuale troa mono estos repagata en la akceptejo, kie estos donataj la rajtigiloj por la hoteloj (ili ne estas sendataj poŝte).

∴ Ĝis nun estas 525 aliĝoj.

∴ *Esperantistaj Poŝtoficistoj* antaŭ kelka tempo fondis intern. Ligon (nun Esp.-ia Entrepreno), kiu havas kiel oficialan organon « Poŝta Esperantisto » (aldono de « La Esperantisto » ). La kotiz. estas 1 Sm., kun la gazeto. S-ro Schmidt (Herbertstr, 23, Dresden) estas provizora prez.

∴ *Kelkaj opinioj de D-ro Zamenhof*. El artikolo de S-ino Hankel (konversacioj kun D-ro Zamenhoj) :

Laŭ la deziro kaj opinio de la Majstro ĉiu lernolibro havu sur la unuaj paĝoj la 16 regulojn de la fundamento, la cetero estu nur komentario de tiuj ĉi reguloj. Nur la 16 reguloj estu la oficiala parto, la komentario estu privita laboro. Li malaprobas dikajn lernolibrojn por komencantoj, ili fortimigas la homojn. Nia lingvo ĉiam devas esti simpla kaj facila. Ekzistas nun la inklino, malfaciligi ĝin...

... Iun ajn danĝeron la majstro ne vidas en la enkonduko de novaj vortoj. Li opinias, ke malbonaj kaj ne taŭgaj vortoj baldaŭ malaperos, la bonaj nur restos...

... D-ro Z. opinias, ke ni havas tro multe da gazetoj. Nove aperanta gazeto ofte malhelpas alian. Unu gazeto eble povas prosperi, la rivalo malhelpas al ĝi, ili ambaŭ mortas...

... Nia literaturo havu vere internacian valoron, oni elektu por la traduko nur bonajn klasikajn librojn...

... D-ro Z. kredas, ke ĉiuj fondintoj de religioj, se ili persone renkontus, premus unu al la alia amike la manon, ĉar ili ja ĉiuj havis unu saman celon : ili volis igi pli bonaj kaj pli feliĉaj la homojn.

∴ Post longa debato, la *Sveda parlamento* rifuzis (15 Marto) la proponon pri helpo al mondlingvo. Duobla voĉdono okazis : per 114 voĉoj kontraŭ 79 la propono estis « enterigata » ; en la ĉefa voĉdono, 105 deputatoj voĉdonis por rifuzi sen ŝanĝoj la proponon, kaj 91 volis rifuzi kun malaprobo al la motivo prezentita de la raportantoj. Mirinda estas ne la rezultato, sed la proporcio de la voĉoj. — J. L.

∴ En *Sevilla* (Hisp.) post la Sankta Semajno okazas la printempa foiro, kies karakteriza detalo estas budoj starigitaj de societoj kaj privatuloj. Unuafoje, la tiea grupo esp. kun la helpo de Del. T. Soriano starigos sian budon, kvazaŭ esp. informejon. Koran inviton al ĉiuj Samideanoj ! Multnombre vizitu la Andaluzian ĉefurbon. — P. L.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Universo* publikigas interesan bibliografion de D-ro Zamenhof, verkitan de lia frato D-ro Leono Zamenhof. Oni konatiĝas detale kun la multegaj malfacilaĵoj, kontraŭ kiuj baraktis D-ro Z. antaŭ la apero de Esp. kaj en ĝiaj unuaj jaroj. La sama No enhavas « intervjuon » de D-ro Zamenhof per S-ino Hankel kaj defendon de la firmo Hachette, en kiu oni rememorigas ĝiajn servojn por Esp.

∴ *Danubo* sub la titolo « kio estas farota » publikigas bonegan artikolon de D-ro Fiŝer pri U. E. A. Jen la konkludo :

Plua kondiĉo de sukceso estas koncentrigo de ĉiuj fortoj, spiritaj kaj materialaj. Ĉi tiu principo estas tiom evidente nedisputebla, ke insisti pri ĝi ŝajnas tute superflua. Tamen la ĉiutaga realeco pruvas, ke multaj kaj fervoraj Esperantistoj ĝin forgesas. Aperado kaj efemera ekzistado de multaj iniciataĵoj — novaj gazetoj, multaj reciproke sin ripetantaj lernolibroj, diversaj fakaj asocioj, k. c. — per sia ne sufiĉe bazita konkurado nur malfortigas la komunan agadon kaj kompromitas ĝiajn rezultatojn. Antaŭ ol entrepreni ion ajn novan, la iniciatantoj nepre devas tre serioze pritrakti la demandon, ĉu la entrepreno estas vere necesa, ĉu ĝi estas plenumonta taskon sufiĉe gravan kaj tute nerealigeblan per jam ekzistantaj similaj rimedoj. En naŭ okazoj el dek la respondo certe estos nea... Simpla utileco de iu ajn iniciataĵo ne sufiĉas — ĝin povas pravigi nur urĝa neceseco...

... La rapida progresado de U. E. A. pruvas nerefuteble, ke ĝiaj principoj kaj ĝia organizo estas ne nur teorie ĝustaj, sed ankaŭ praktike tute taŭgaj. Tion ĉi oni jam ĉiuloke estas bone kompreninta. Sed kompreni kaj aprobi ne sufiĉas : estas ankaŭ necese agi. La venko kaj daŭra sukceso de ĉiu ajn movado dependas de agado kaj estas rezervita al homoj de efektivigo kaj realigo, ne al homoj de teorio kaj diskutado...

∴ *Riga Stelo* publikigas ruse la paroladon de S-ro Hodler en Augsburg pri la Socia signifo de U. E. A.

∴ Le Capillaire, grava gazeto por barbiroj, de nun publikigos regule rubrikon en Esp.

∴ En la *Revista do Brazil* (Bahia) D-ro M. Sœndahl malfermis kurson. — M. S.

∴ En *l'Etoile* (Nancy, 13 Marto), tre bona artikolo pri Esp. kaj U. E. A. — H. M.

∴ La Sporta Gazeto *Tiro e Sport* (Lisboa, Portugal.) havas esp. rubrikon ; ĝi raportas pri U. E. A. kaj publikigas ĉiufoje portreton de Del. de U. E. A. — B. M. d'A.

∴ La Madrida gazetaro komencas paroli pri Esperanto. Aperis kelkaj artikoloj en *A. B. C.* (interalie de kolonelo Aiza), kaj en *El Pais*. — *Espana Nueva* kaj *Las Dominicales* represuktis cirkuleron de Libera Penso. Fine la *Heraldo de Madrid*, ĝis nun malfavora, presigas la 21. marto artik. de S-ro Santiago Carro, Del. U. E. A. — P. L.

∴ Bona artikolo pri U. E. A. en *Mundus* (Rome) (5. Marto). Favoraj artikoloj pri Esperanto en *Il Lavoro* (4 Marto), *Il giornale di Udine* (2 Marto), *A Provincia de Para* (18-21-23 Marto), *Evening Standard* (24 Feb.), *L'Actualité* (19 Marto), *La Revue Pédagogique* (janv.), bonega artikolo de S-ro R-ro E. Boirac, k. e. — M. G.

# Esperantia Parolejo

### Pri elspezoj de la Delegitoj

Uzante la servojn de U. E. A. mi spertis, ke multaj delegitoj elspezante por la petitaj servoj pli multe ol la petantoj aldonis, tute ne sciigas la petantojn, kiom estas necese pagi por la plenumo de tiu ĉi servo.

La § 22 de la Regularo pri la servoj de U. E. A. diras : « Antaŭ ol plenumi la servon, la delegito *devas* informi la petinton pri la kosto de la servo, sen persona procento aŭ maklero. *La petinto devas forsendi la necesan sumon al la koncernata delegito, se li volas ricevi la servon.* Tamen, la delegito havas, sub sia respondebleco, la eblecon plenumi tiun servon antaŭ ol ricevi la koston kaj *poste sendi la fakturon al la petinto.* ».

Tiun ĉi paragrafon oni devas severe sekvi kaj la delegitoj atentu, ke ili ne elspezu el sia mono, kion devas pagi la petantoj.

G. Wirenius (Dresden).
Esperantiano 3453.

Tute konsentite (Red.).

### Praktika propagando

La urbo Warnsdorf, en la Norda angulo de Bohemujo, posedas fabrikojn de veluro, ŝtofoj, ledaĵoj, feraĵoj (2 fandejoj) ; tri germanaj gazetoj estas tie eldonataj. Por montri la utilecon de U. E. A., ĉiuj aĉetantoj estas petataj mendi *Esperante* ; la 1. Germana Esperantista Grupo, esp-ia entrepreno, prizorgas ĉiujn tradukojn.

K. Grohme, Sekretario.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Aldono al Oficiala Jarlibro.**

Tiu ĉi aldono jus aperis. Ĝi enhavas la plenan liston de la novaj Del. kaj ĉiujn adresŝanĝojn okazintajn post la apero de la Jarlibro, kiel ankaŭ la nomaron de la novaj Esperantiaj Entreprenoj. Tiu ĉi aldono estas necesega al ĉiuj personoj ofte uzantaj la servojn de U. E. A., kiuj dank'al ĝi evitos al si erarojn. Prezo : 10 sd. afranke (aŭ respondkupono).

**Al kolektistoj kaj interŝanĝistoj.**

Kelkaj Esperantianoj uzas sian membran rajton kaj la Jarlibron de U. E. A. por postuli de la Del. interŝanĝajn poŝtkartojn kaj tiel devigas ilin al interŝanĝado, kiun ili ofte neniel deziras. En la okazo se iu Esperantiano deziras korespondi aŭ interŝanĝi poŝkartojn kun iu regiono, li sin turnu al la Del. de tiu regiono, sed nur por peti, ke ĉi tiu *konigu al li* la adresojn de persono, kiu en lia regiono estus preta korespondi aŭ interŝanĝi. Nur tiel nia Asocio povos utili al li — servo cetere ŝatinta pro la disvastiĝo de U. E. A. La Del. ne mem estas korespondantoj, sed povas esti uzataj por trovi tiajn.

**Turisma Ekspozicio en Berlino.**

La personoj, kiuj dezirus eventuale vojaĝi al la Internacia Ekspozicio de la Turismo, en Berlino (aprilo-majo 1911), estas petataj sin konigi al ni ; se ilia nombro estos sufiĉe granda, ni aranĝos specialajn karavanojn.

**Statistiko.**

Jen kompara etato de U. E. A. en Novembro 1910 kaj marto 1911 :

| | Novembro | Marto |
|---|---|---|
| Delegitoj | 765 | 848 |
| Vicdelegitoj | 177 | 188 |
| Subdelegitoj | 119 | 140 |
| Konsuloj | 612 | 625 |
| Lokoj | 872 | 964 |
| Esp-iaj Entrep. | 187 | 205 |
| Esp-iaj Asocioj | 26 | 29 |

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 15-a de Marto la nombro de la membroj, kies kotizajo por 1911 estis ricevita de la Centra Kaso, estas *5141* (antaŭa monato 4.006).

La Del. de la jenaj regionoj varbis lastatempe pli ol 20 membrojn : Amsterdam, Esslingen, Hannover, Kassel, Kovno, Lyon, St-Etienne, Schweidnitz, Umanj, Vesoul, Wien, Tiflis, Lwow, Peterburgo, Hamburg, Samos, Zürich, Varsovie, Kutaïs, Kaliŝ, Troyes kaj Bd. Reichenhall.

La jenaj regionoj lastatempe atingis pli ol 50 membrojn : Berlin, Stuttgart kaj s'Gravenhâge.

**Dumvivaj membroj.**

8. S-ro F. Hipsley, Birmingham, — 9. S-ro P. Linares, Cordoba. — 10. S-ro R. Sharpe. Torquay. — 11. S-ro Martinet, Paris. — 12. S-ro Ettore Fasce, Genova. — 13. S-ro A. Fiŝer, Tiflis. — 14. S-ro S. Ŝulc, Lodz.

* * *

La centra Oficejo de U. E. A. deziras *dungi junulon* por administraj kaj diversaj oficejaj skriblaboroj. Bona kono de Esperanto kaj de franca *aŭ* germana lingvo estas postulata. Por pluaj informoj, kondiĉoj, ktp., sin turni al : Esperantio, rue de la Bourse, 10, Genève (Svis.).

**Aviado.** — Responde al diversaj demandoj, ni informas ke nia monkolekto por aviada medalo estis neniel ligita kun la entreprenoj de tiuj aŭ aliaj gazetoj aŭ sportaj asocioj. Nia medalo estos donacata *de ni mem*, kiel memorajo al la aviadisto kiu, laŭ fiksotaj kondiĉoj, plej bone pruvos sian komprenon de la rolo de aviado laŭ esperantisma vidpunkto. En la momento kiam la internaciaj flugadoj fariĝas pli kaj pli oftaj ; kiam oni anoncas, krom eŭropa rondvojaĝo, aliajn flugadojn de Parizo al Romo kaj Madrido, de Nice al Italujo kaj Afriko, ni povas havi la certecon, ke nia medalo estos aljuĝata en plej taŭgoj kondiĉoj. La mondonacoj por ĝi estu do multaj !

FINANCOJ

*Donacoj por U. E. A. dum Februaro*

| | | |
|---|---|---|
| Ge-sroj : | Pavlova-Tiflis | 1 51 |
| — | Foulger-Shrewesbury | 1 18 |
| — | Maublanc-Louhans | 0 52 |
| — | Soriano-Sevilla | 10 » |
| — | Gabert-Saint-Etienne | 12 » |
| — | Buloĉkin-Moskvo | 3 15 |
| — | Ŝulc-Lodz | 1 74 |
| — | Kuder-Zürich | 1 17 |
| — | Kaus-Kaliŝ | 2 10 |
| | Sumo... $ | 33 37 |

Al ĉiuj koran dankon.

*Donacoj por Internacia Aviada Rondvojaĝo*

| | |
|---|---|
| Saillens | 0 50 |
| Jabeuf | 0 30 |
| Yemans | 1 » |
| Ticard | 0 80 |
| Esperanto-Grupo Perpignan | 1 00 |
| Warnier | 0 40 |
| Génermont | 0 40 |
| Doué | 0 40 |
| Agache | 0 40 |
| Chilard | 0 40 |
| Di Rienzi | 0 40 |
| Bricard | 0 40 |
| Houbard | 0 40 |
| | 6 80 |
| Antaŭaj listoj... | 79 80 |
| Sumo... | 86 14 |

Al ĉiuj koran dankon.

*Konteltiro de U. E. A. de Februaro*

| Elspezoj | $ | Enspezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Salajroj | 179 40 | Kotizajoj | 477 44 |
| Oficejo kaj korespondado | 114 58 | Aprobautoj | 1 » |
| Materialo | 40 » | Dumvivaj membroj | 73 83 |
| Premioj por ŝildo | 5 72 | Esperantiaj Entrepr. | 38 » |
| Presajoj | 133 26 | Donacoj | 33 37 |
| Diversaj kontoj | 18 49 | Aviado | 6 60 |
| | | Storno | 4 » |
| | 461 45 | Diversaj | 0 79 |
| *Saldo* | 173 58 | | |
| $ | 635 03 | $ | 635 03 |

**Novaj Del., Subdel. aŭ Vicdel.**

Brienne-le-Chateau (Franc., Aube). Demets, instruisto (Subdel.).
Colon (Ameriko, Kubo). — Andrès M. Oliva, Leŭtenanto G. R.
Cordoba (Argentina resp.). — Hectoro Pascale, Colon, 88.
De Jutryp (Nederlando, Frislande). — W. P. Gnossen.
Dubuque (Usono, Iowa). Theodoro Hanssen, Route 9 Box.
Eger (Hungard). — D-ro Ludoviko Szokolay, Széchenyi utea, 10, sz.
Famalicas (Portugal). — Antonio Fontes.
Graz (Austrio, Tyrol.). — Rudolf Rubĉiĉ, Gartengasse 19-III.
Nogent-sur-Seine (Franc. Aube). — Paul Rodolphe, route de Bernière (Subdel.).
Tejkovo (Rus., Vladiaur). — Serg. Surovcev.
Valence (Franc. Drôme). A. Mège, 20, rue Marguerite.

**Ŝanĝoj.**

Alcoy : La Del loĝas nun, Domingo Talens, S. Tomas, 8, 10. — Colmar : La Del estas nun, J. Grillon, rue Roesselmann, 1. — Kolozsvar : La Del. estas nun, Emeriko de Rakoczy, Honved utca, 13. — Malenbeck-Bruxelles : La Subdel. loĝas nun, L. Diederichs, rue des Quatre Vents, 53. — Middlesbrough : La Del. estas nun, Caroll Christopher A. — Pantin : La Subdel. loĝ. nun, Pierre Gaborry, 149. rue de Paris. — Perugia : La Del. loĝas nun, A. Mazzolini, str. Marzia, 4. — Rotterdam : La Del. loĝ. nun, P. J. Vermass, Nieuwe Binnenweg, 340, C. — Varsovio : La Del. estas nun, D-ro Ludoviko Chybezynski, str. Szopena 1.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Dresden. — Internacia Ligo de Poŝtoficistoj.
Hamburg. — A. B. C. Senff, Schaar, Co Ltd.
Paris. — J. Bachelet.
Peterburg. — Peterburga Universitata Grupo.

**Novaj Esperantiaj Asocioj.**

Sidi-Bel-Abbès. — Esp. Grupo.

---

*Jus aperis la 1a Aldono al la Oficiala Jarlibro de U. E. A. Prezo : 10 Sd.*

---

# REKLAMO

## TARIFO

**Anoncetoj.**

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj): $ 0.20 (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj) : $ 0.15 (= 40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

**Reklamo.**

*1 linio aŭ ĝia spaco Sm. 0.20 (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o ; por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, Xe ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* ; Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Auding, *Berlin, S. W. 48* ; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig* ; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

Paris (Franc.). — S-ro Braun, 11, rue de la Ferronnerie.

Ludwigsburg (German.). — S-ro Friedrich Kübler, Untere Markstr 3, PI. kun aliland. speciale kun fraŭlinoj.

MenomonceFalls (Wis. Usono). — S-roj W. H. Rintelman, Harry Blair, James Baer, PK. M. ; Wilmer Schmidt, Rubin Klein, PK. ; F-inoj Ethel Pilgrim, Viola Huebner, Esther Rintelman, PK.

Tacoma (Usono, Wash). — S-ro J. E. Breed, P. O. Box 308, PI. kun ĉiuland.

Peterburgo (Rus.). — S-ro N. Ivanov Furŝtadskaja, 32 kv. 10, PI.

Augsburg (Germ. Bavar.) — S-ro E. Pfeufer, Karlstr. D-82 dez. ŝanĝi amatorfotografajn urbvidaĵojn.

Ludwigshafen am Rhein (German.). — S-ro Karl Mohr, Anilinstr. 15a PI. (PM. bfl.).

Losonez (Hungar.). S-ro Draskoczy Aladar, Kiskarsa u. 6. PI. PM. kun aliland. — S-ro Haasz Gyula, Füleki u. 8. PI. kun fremd.

Budapest (Hungar.). S-ro Teodoro Back, Kiraly-utca, 38, PI.

Pasajes Ancho (Hispan, St Sebastian). — F-ino Maria Uranga, PK.

Nevers (Franc.). — S-ro Louis Porte, 24, rue du Chemin de Fer, PI. kun eksterl. PM. b. fl.

Dresden W. (Germ). — S-ro Alberto Schmieder, Jordanstr. 2. PK. PI.

Iserthal (Austrio, Bohem.). — S-ro Wenzel Bartosch, PI.

Leipzig-Lindenaŭ (Germ.). — S-ro Albert Günther, Lütznerstr, 33.

Amsterdam (Nederlando). — S-ro H. Bekker, Reguliersdwarsstraat 113 2 PI. L.

Krefeld (German.). — S-ro Fritz Gather, 335. Gladbacherstr.

Moskvo (Rus.). — S-ro W. F. Ikonnikov, Boĝedomskij pereul. 29, kv. 1.

Manlleu (Hispan. Katalun). — S-ro Gaspar Caballeria, str. Puente, 34, PI.

Tistedalen (Vorveg.). — S-ro Barbir Timar Johansen, PI.

Zaragoza (Hispan.). — S-ino Pilar de Maynar, Cerdan, 19, PI. (plej artajn). — S-ro Mariano Bergua, Plaza del Filar, 29, PI. L.

Gommersheim bei Speyer a/Rh. (Germ.). — S-ro W. Daum, PI. PM. nur kun negerm.

Jolo, Wireless Station (Filipina insularo). — S-ro Richard S. Ashley, inĝeniero, PI. — S-ro Lonzo Mc Vickers poŝtejestro, PI.

Kovno (Rus.). — Otdelenije Krestjanskago Pozemelnago Banka. S-ro Georgo Deŝkin PI. sen teksto, PM. b. fl. L. PM. ĵurnal.

St-Stschelkovo-Moskvo (Rus.). — S-ro T. Sedov, fabriko de Poljakov. — S-ro V. Svirin, domo de Kopylov.

Moskvo (Rus.). — S-ino Lidy Jakovela, Tverskaja Leontievskij pereul. d. Granat kv. 1.

St-Peterburgo (Rus.). S-ro G. Zazorin, Fontanka 144 (Expedicia Zagotodl. Gosud Bumag.).

Zombor (Hungar.). — Studengrupo, PI. L. PM. La unuan karton sendu al S-ro Diosy G. Str. Aranygerenda 16. — S-ro Palanacsky Milivoj, Str. Rakoczi ut. 9, PM. PI.

Bruxelles (Belg.). — S-ro Mampaey, 55, rue Veronèse PM. PI. — S-ro Al. Hecq., 157, rue de Merode, PM. PI. — S-o A. Richardson, 121, rue du Marais, PI. nur el Azio, Sud-Ameriko, Oceanio.

Ludwigsburg (Germ.). — S-ro Ferdinand Fischer, Obere Marktstr. 3, PI. kun aliland.

Novy Sacz 2 (Austrio, Galicio). — S-ro St-Peksa PI. kaj interŝ. monerojn aŭstrajn el XVIII kaj XIX jarcento.

Le Mans (Franc., Sarthe). — S-ro M. Mazières, rue St-Ouen, 1.

Villa Nova de Gaya (Portugal). — S-ro Antonio Alves dos Santos, PM.

Kassel (Germanujo). — Otto Sandrock, Grüner Weg. 19, PI. nur kun Ital., Portugal., Skandivav-Balkan kaj neeŭropaj landoj.

Donaŭwerth (Bavar.). — S-ro Franco Weiss, Reichsstr. 242, PI.

Freinstein- Rorbas (Svisujo, Zürich). — S-ro J. G. Fritschi en Angl., Aŭstral., Azio, Afriko, Ameriko, P. PI. PM.

Sabadell (Hispan.). — S-ro Manuelo Pich, str. Roda, no 43, PI. — S-ro Petro Pous, str. Félix Amat, no 96, PI. — S-ro Isidoro Roig, Sapfabriko, PI. L.

Zabrze (German.). — S-ro Joh. Klon, kronprinzenstr, 129, PI. (PM. b. fl.) kun alikontinentuloj kaj alilanduloj.

Oudkarspel (Nederl.). — F-ino G. Boot de Vries, Wegye, kun Ĥinoj kaj Jopanoj.

Borgo (Firland. Rus.). — S-ro J. Bergh, kun Francoj, Sud-kaj eksterеŭropanoj. Pl.

Reval (Rusujo). — J. Grüntal, fotografisto, Grosse Ioahimstal strasse No 34 kun ĉiulandaj fotografistoj kaj-inoj. Profesia scienca celo. P. I. fotografajoj. Tuj dankeme respondas.

Novoĉerkask (Rusujo, Dona). — S-ro B. Popov, Mariynskaja, 36, PM.

Ludwigsburg (Germ.). — S-ro Luis Wied, Franzosenstr., 31, PK. Pl (PM. ne b. fl.).

Barcelona (Hispan.). — S-ro Manuelo Rodellar, str. Diputacion, 93, Pl. kun neeŭropanoj, PM. bfl.

Düsseldorf (Germ.). — S-ro C. Hoffmann, 18, Volksgartenstr., Pl.

Barmen (Germ.). — S-ro H. Freckmann, 6, Erlenstr., Pl.

Düsseldorf (Germ.). — S-ro B. Luis, 28, Werstenerstr., Pl. kun neeŭrop.

Amiens (Francujo, Somme). — Dekok studentoj ĉe la instruista edukejo (normala lernejo por instruistoj) : dez. koresp. kun junaj gesamprofesianoj alilandaj. Ankaŭ kelkaj liceanoj 12-16 jaraj havas saman deziron. S-ro G. Queste. prez. de la Esp. Gr., rue Jeanne-d'Arc, 44, donos adresojn.

Harmanli (Bulgar.). — S-ro Georgi V. Granĉarov, ne dez. koresp. sed interŝ. P. M.

Cordoba (Respubliko Argentina). — S-ro Martin Foledo, str. Lima 234. Pl. L. kun ĉiuj samideanoj. Li serĉas ankaŭ poŝtmark-kolektistojn en sia lando, sed li mem ne kolektas.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, Pl.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). Pl.

Dresden (German.). — S-ro M. Taeschner, Eisenacherstr, 5. L kun aliland., li kolektas PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ



## UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

### ELDONAĴOJ

*Esperantia Biblioteko.*

1. **Oficiala Dokumentaro de la 1a kongreso de U. E. A.** — Plenaj raportoj pri la agado de U. E. A. Protokolaro de la kunvenoj, listo de la kongresoj. Prezo : 50 Sd. afranke.

2. **Oficiala Jarlibro 1911.** — Plenaj informoj pri U. E. A. Listo de la Delegitoj, Subdelegitoj, Oficejoj kaj Entreprenoj. Prezo : 30 Sd. ; senpage por Esperantianoj.

3. **L'Espérantisme.** — Propaganda broŝuro en *franca* lingvo pri Esperantismo, U. E. A. kaj ĝiaj servoj. kun elementoj de la lingvo Esperanto. *Tute nova eldonajo.* Prezo : 10 Sd. afranke. Alilingvaj eldonoj en preparo.

**Les relations internationales.** — *Comment les faciliter? Comment les développer?* Propaganda folio 4 paĝa en *franca* lingvo. *Tute nova eldonajo*, rekomendata al ĉiuj propagandemuloj. Prezo : 50 ekz. 50 Sd. afranke ; 100 ekz., 1 Sm.

Alilingvaj eldonoj en preparo.

**Oficiala insigno.** — Verda stelo kun blanka tranĉrando kaj la literoj U. E. A. Prezo : 36 Sd. (pinglo aŭ broĉo), butono 40 Sd. Por rekomenda sendo, 10 Sd. Sd. plie.

**Oficialaj leterpaperoj, kovertoj kaj poŝtkartoj.** — 100 folioj de leterpapero : 70 Sd., 100 kovertoj : 40 Sd., 100 poŝtkartoj 70 Sd.

**Oficialaj markoj.** — Markoj kun la bildo de D-ro Zamenhof, gluotaj sur la korespondajoj. Prezo : 100 ekz., 85 Sd. (je la profito de la Centra kaso de U. E. A.

**Gvidfolioj.** — Plena kolekto de la diversurbaj gvidfolioj. Prezo 50 Sd. afranke.

**ĴUS APERIS :**

# LA KATO

De J. Rajberti

Trad. el itala lingvo, de *A. TELLINI*

Ĉarma literatura verko

Prezo : 20 Sd. afranke

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Dissemantoj de vivo kaj am' !...
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partioj kaj religioj
Eklevu unu vokon, eklevu unu kanton,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant' !
Nek riveroj, nek Alpoj, nek maroj
Estu baroj al frataj rilatoj,
Kaj suspektoj, konfliktoj, malamoj
Malaperu tra la tuta mond' !
Et frostaj maroj al landoj varmegaj
Kaj el la uragana al kvieta oceano,
Kunplektu, gefratoj, l'amikajn viajn manojn
Ĉar sun' profetita leviĝas jam !

L. Scarselli.

N. B. — Por akiri muzikaĵon de tiu poemo, sin turni ĉe n. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del ·'Agnolo 48.
Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).



# OFICIALA GAZETO ESPERANTISTA

ORGANO DE LA LINGVA KOMITATO
DE LA KONSTANTA KOMITATO DE LA KONGRESOJ
KAJ DE LA INTERNACIA KONSILANTARO

Jara abono : **5** frankoj. — Unu numero : **50** centimoj.
Redakcio kaj Administracio : **51, rue de Clichy, Paris.**

## EL LA DECIDARO DE LA SESA KONGRESO:

*La Sesa Kongreso memorigas al ĉiuj societoj kaj grupoj, ke la abono al la Oficiala Gazeto estas unu el la plej bonaj rimedoj por helpi finance la oficialajn instituciojn de Esperanto, kaj por esti regule informata pri iliaj laboroj.*



*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).



# ESPERANTO-OFICEJO

**Sinjorino FARGES, 36, strato Victor-Hugo, LYON (Franclando)**

*Ricevinta la 1-an premion en la konkurso de U. E. A., en la V-a kongreso en Barcelona*

| | |
|---|---|
| Informejo por la fremdaj geesperantistoj. Centra propagandejo por la Rodana regiono. | Vendejo de ĉiuj Esperantistaj libroj kaj ĵurnaloj kaj ĝenerale de ĉiuj Esperantaĵoj. |

## BUSTO de D-ro ZAMENHOF



*Verkajo de Jean CHOREL*

Lyon'a Skulptisto, Medalita de la Paris'a Salono. — La Majstro pozis speciale en Lyon je Septembro *1909*-a.

Gipsa kopiajo alta je 18 cm., larĝa je 13 cm., en kartonskatolo

Prezo nete : **5 frankoj - 2 $**

Gravaj rabatoj por la Esperanto-Oficejo

Ligna kesteto (1 fr.) estas rekomendata por la sendoj al fremdaj landoj

La aĉetanto pagas la sendelspezojn plie

**Silkaj Esperantistaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**. — **Silkaj ĉiunaciaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**

Ĉiu flageto : **0** fr. **20** (0 **$** 08)

*Specialaj prezoj pogrande por la Oficejoj, Grupoj kaj Societoj*

| | |
|---|---|
| **LYON** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidajoj de la monumentoj. | **VIENNE** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la antikva romana urbo. |

*Kun klariga teksto en Esperanta kaj Franca lingvoj*

| | |
|---|---|
| La kolekto da 20 . . . . . . . . . . | **0** fr. **85** (0 **$** 34) |
| — 100 . . . . . . . . . . | **3** fr. **50** (1 40) |
| — 500 . . . . . . . . . . | **15** fr. **50** (0 20) |

**4 malsamaj poŝtkartoj pri la Ruĝa Kruco Esperantista**

(eldonitaj de la Lyon'a Esperanto-Oficejo)

| | NIGRAJ | KOLORIGITAJ |
|---|---|---|
| La kolekto . . . . . | **0.40** (0 **$** 16) | **0.60** (0 **$** 24) |
| 100. . . . . . . . . | **4.00** (1 60) | **6.50** (2 60) |
| 500. . . . . . . . . | **18.50** (7 40) | **21.00** (8 40) |

**SAINT-ETIENNE.** — 12 malsamaj poŝtkartoj kun vidajoj de la monumentoj, kaj kelkaj vidajoj de Rochetaillée.

La kolekto : **0** fr. **50** (0 **$** 20)

**Esperantistaj Sigelmarkoj** (verda stelo sur blanka fundo kun la vorto « *Esperanto* ») glubavantaj sur la dorsa flanko, gluigotaj sur leterpaperoj, kovriloj, afiŝoj aŭ en kunvenejoj kaj vagonfakoj. Bonega propagandilo.

| | |
|---|---|
| 500 markoj . . . . . . . . . . | **1** fr. **50** (0 **$** 60) |
| 1.000 markoj . . . . . . . . . . | **2** fr. **50** (1 **$** ») |



**La Firmo S. FARGES estas :**

La plej granda presejo kaj eldonejo de poŝtkartoj en Lyon ;

La plej granda vendejo kaj interŝanĝejo de poŝtmarkoj en Lyon.



*Oni sendas kolektojn por elekti kontraŭ monsumo*

La « Esperanto-Oficejo » deziras ricevi broŝuretojn, foliojn, specimenojn kaj proponojn pri propagando kaj komerco.

## DIETO POR ARTRITISMULOJ




TRINKI ĈIUMANĜE

# VICHY CELESTINS

EN ĈIUJ TRINKEJOJ :

**UNU KVARON BOTELO**

*MALSATIGA*

*Antaŭ la Manĝo*

*DIGESTIGA*

*Post le Manĝo*

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont.

## S.-PETERBURGO

Plenaj kolektoj vidajoj de Sankt.-Peterburgo, ordinaraj kaj koloraj po **$** 2-2.50 kaj 3. Albumoj panoramaj tre riĉaj **$** 5. — 10 kaj 15. Sin turnu al S-ro J.-N. TASOVSKIJ (Russie), S.-Peterburgo, Vasiljevskij Ostrov, 16 linija d. N· 23 kv. 3· Poŝtmarkojn ne akceptas.

# HOTELO

## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto, English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

BORDEAUX-VINOJ

# Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al Sro **Arnoux,** sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.